XXV-a jaro. No 346 (6) Monata Junio 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.**
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

ENHAVO : Esperanto kaj Geografio : Edmond Privat (109) — Mondgeometrio, L. A. Ware (110) — Sinjoro Bufo, Saldanha Carreira (111) — La Abstineca movado en Finnlando, H. Salokannel (112) — La Haga Interreligia Kongreso por paco (113) — La Edukista Mondfederacio, H. W. Hetzel (114) — Reo, la fripono, L. Becke (115) — Pli saĝa ol venĝo, Edm. Privat (116) — La leĝo de l'milito, R. Swietoszewski (117) — Lia dua enamiĝo, Inge Bőrn (118) — Aforismoj, Franz Dőring (119) — Novaj libroj (119) — Propaganda vojo, D-ro A. Vogt (120) — Akademio kaj Lingva Komitato (120) — Esperanto ĉe P.T.T.-Lernejo de Bucuresti (120) — Rotario kaj Esperanto (121) — Konkurso de Aeroplanoj (121) — Statistiko pri la ekzamenoj en Aŭstrio (121) — 16a Bulgara Kongreso (121) — 21 Universala kongreso, Informa Bulteno 4 (122) — Kongresa Kalendaro (122) — UEA, Oficiala Informilo (123) — Niaj mortintoj (124) — Esperantista Vivo (123) — Oni dankas (124) — Reklamo (125) — Aldono : Aliĝilo por la 21a Kongreso en Budapeŝto; Programo de l'Edukista Kongreso en Ĝenevo.

## ESPERANTO KAJ GEOGRAFIO

Esperanto estas nun instruata en multaj lernejoj. Ĝi montris sin utila lernilo de fonetiko kaj gramatiko. Ĝi helpis infanojn pli bone studi sian propran lingvon. Ĝi servis kiel rimarkinda enkondukilo al studo de fremdaj lingvoj. Bonege.

Sed post unu aŭ du jaroj da lernado, kiam la infanoj jam funde konas la lingvon kaj parolas ĝin flue, oni haltas, ĉar oni ne scias, kion fari plue. Multo de la granda kaj ĝojiga laboro estas perdita. Tio estas evitinda domaĝo. Ankaŭ evitebla.

Kiam la infanoj posedas la lingvon kaj kiam oni ne plu rajtas depreni apartan horon por ĝi el la jam ŝarĝita programo, tiam oni devus uzi ĝin por alia fako, tio signifas instrui en Esperanto pri unu el programaj temoj. Nenio pli bone konservus ĉe la lernantoj la kutimon kaj intereson pri ĝi.

Kompreneble la plej taŭga temo estas geografio. La moderna instruado ne estas plu simpla diktado kaj parkera recitado. Geografiaj lecionoj hodiaŭ fariĝas pli viglaj. Partopreno de l' infanoj estas akcelata. Nu, ĝuste tie la rolo de Esperanto estas riĉa je novaj eblecoj.

Ne nur la instruisto povas paroli Esperante kaj peti respondojn samlingve, sed li povas instigi kunlaboradon de la lernantoj per la helpa lingvo por kolekti dokumentojn. Dum la Ĝeneva kaj Praha instruistaj konferencoj oni raportis plurajn spertojn tiurilate. Interŝanĝo de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj estas nur unua grado. Poste venus vera interŝanĝo de specimenoj, bildoj, gvidlibroj, per kiuj la infanoj fiere alportas sian efektivan kontribuon al la komuna informiĝo pri ceteraj landoj.

Ĝuste en tiu kampo nia lingvo multe progresis lastatempe. La eldono de samformataj gvidfolioj iniciatita de UEA, konsiderinde kreskis. Granda nombro da novaj ilustritaj tiaj gvidiloj aperis pri plej diverslandaj lokoj. Ankaŭ plimultiĝis la reklamaj turismaj volumoj pri tiu aŭ alia lando. Eĉ aperis kelkaj seriozaj geografiaj verkoj kun plenaj detaloj pri moroj, kutimoj, statistikoj, institucioj k.t.p. De la fervoja reklamilo al la pli supera verko ekzistas vasta skalo kun jam multo farita kaj ankoraŭ multo plu farebla kaj farinda.

Preskaŭ ĉiuj regnoj posedas nacian turisman oficejon, ne parolante pri fervojaj administracioj aŭ propaganda servo de la eksterlanda ministrejo. En neniu lando la esperantistoj devus resti kontentaj ĝis ili sukcesos eldonigi aŭ eldoni mem bonan libreton pri sia lando kun resumoj pri ties historio, konstitucio, geografio, ekonomio, turismo k.t.p.

Pri ĉiuj landoj de la mondo tia libro aŭ libreto devus ekzisti en Esperanto kaj povus kredeble presiĝi je kosto de iu aŭ alia institucio. Tiamaniere ni posedus plenan materialon almenaŭ por elementa informiĝo. Ne nur ĝi utilus al ĉiu eldonanta lando por forigi antaŭjuĝojn kaj sin diskonigi, sed ĝi samtempe faciligus tiun interŝanĝon de geografiaj dokumentoj en Esperanto, kiun ni forte rekomendas por vigligi instruadon.

Kiam Dro Zamenhof esperis ke lia lingvo helpus la interkompreniĝon inter la popoloj, li ne kontentiĝis per nura intenco ke la diversnaciaj homoj sukcesus kompreni reciproke siajn vortojn. Li celis, ke ili interkonatiĝu por kunvivi, ne plu kiel misteraj fremduloj, sed kiel najbaraj amikoj, bone konataj.

Juneco estas la tempo taŭga por realigi tion. Geografio estas la fako. Esperanto estas la ilo. Amikoj fervojistoj en Budapeŝta kongreso, kolegoj edukistoj dum ĝeneva kongreso venontan Julio-Aŭguston, bonvolu afable pripensi vian belan okazon de utila kunlaborado por ke nia lingvo servu, ke ĝia enhavo riĉiĝu kaj ke ĝia scio konserviĝu kaj fruktodonu ĉe la nova generacio !

Edmond Privat.

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## Mondgeometrio

De L.A. Ware.

Jen ! la mondo eniras en novan epokon de fiziko. La mondo de Newton foriras en la pastempon kaj envenas la mondo de Einstein, mondo en kiu estas nenia realaĵo, en kiu eĉ la fundamentaj ideoj de spaco kaj tempo kaŝiĝas unu en la alia, kaj en la vortoj de Minkowski nur sorto de kunigaĵo de la du restas kiel planko sur kiu ni povas fari bildon de la mondo, kiun ni vidas sed ne konas. Antaŭ multaj jaroj Newton donis al la mondo bildon meĥanikan de la faraĵoj de la reala mondo, kiu tiam ekzistis. Lia teorio de gravitado multon faris en la astronomio kaj meĥaniko. Lia teorio kaj laboro pri la lumo komencigis grandan progreson en la optiko -eĉ nun ni returnas al ideo pri lumo simila je la Newton'a. Tamen, venis la tago kiam la « Absoluta Spaco » estis serioze pri-demandata kaj kiam la leĝo de gravitado ne donis la korektan rezulton en la afero de la turnado de la orbito de Merkuro, en la pasado de lumo apud la suno ktp. Venis la tago kiam la absoluteco de mezurado ne plu ekzistis. Tiam ni eksciis ke ni bezonas teorion de relativeco. Ni ektrovis ke mezurado farita dum movado ne donis saman rezulton kiel mezurado farita senmove. Michelson kaj Morley montris ke ni ne povas scii nian rapidecon tra absoluta spaco kaj por elklarigi la rezulton de tiu eksperimento estas elfarita la principo de la « Lorentz-Fitzgerald Mallongiĝado ».




A

Okazis ke en 1915 la speciala principo de relativeco estis sur solida bazo. Nun Einstein elfaris la ĝeneralan teorion de relativeco, kiu faris el la mondo grandan sistemon de geometrio. En ĝi la gravitado estas sekvaĵo de la kurbeco de spaco kaj la kurbeco povas esti pripensata kiel sekvaĵo de materio aŭ la materio, sekvaĵo de la kurbeco.

Nun vi demandas ; « Kio estas ĉi tiu kurbeco de spaco ? » Kompreneble ĝi ne estas kurbeco kiel ni ordinare vidas ĝin en la kurboj de linioj, de vojoj, de figuroj. Ne, ĝi estas kurbeco de kvarobla spaco kaj ni nur povas vidi ian trioblan spacon kaj, se ni volas kompreni la teorion de relativeco eĉ iome, ni ne esperu vidi bildon de ĝi antaŭ niaj okuloj, sed nur en matematiko ni povas ricevi ideon de ĝia beleco.

Ni pensu pri ordinara ebena planko. Sur tiu ĉi planko, kiel en niaj lerntagoj, ni metu grandan nombron da rektaj linioj, unu grupo faranta kontraŭ la alia angulon 90°. Estu ankaŭ ĉiuj linioj de ĉiu grupo paralelaj kaj egaldistancaj. Ni metu sur la planko sferon kaj puŝu ĝin ; ĝi moviĝas rekte kaj se la planko estas absolute ebena la vojo estus rekta linio, kaj la movado al ni ŝajnas esti kiel decas ĉar ni uzas en nia pensado la leĝojn de Newton. Ni nun demandas ĉu estas eble fari la vojon de la sfero iel malsama je la rekta linio. Jes, fleksu la linisistemon en alian formon kiel en fig. B :

CC en A estas la rekta vojo pri kiu ni unue parolis. CC en B estas vojo de la sfero kiu en Kartesia sistemo estas rekta linio, sed en la Gaŭss'a sistemo montrita, *uzate kiel Kartesia sistemo*, estas kurbo. Nu, simple, ni vidas la ne-Eŭklidan mondon tra Eŭklidaj okuloj. Ni vidas la rektan vojon, kiu en la mondo estas nerekta, aŭ ni vidas la kurbon, kiu en la kvarobla spaco estas rekta.

La supraĵo eble servos kiel komenco. Ĝi ne estas korekta, sed estas nur ekzemplo de la fakto, ke kia ajn ŝajnas la mondo dependas je la vidpunkto. Se mi pripensas fig. B kiel Eŭklida sistemo, mi dirus ke la vojo estas kurbo, kaj nature mi demandus « kial la vojo estas kurba ? ». Ĉu ne Newton diris ke, kiam la vojo estas nerekta, ekstera forto agas kaj tiras la sferon de la rekta vojo ? Necesus nun, ke ni elfaru teorion de gravitado (agado ĉe distanco) por elklarigi la aferon. Sed rimarku, se ni pripensas la vojon en ĝia propra spaco, la agado ĉe distanco estas nenecesa, ĉar la vojo estas la « natura vojo », — nenecese la vojo laŭ Newton. Nun pripensu « naturajn vojojn ». Efektive ni devas eltrovi la montraĵon de la du vortoj. Se ni uzas la geometrion de Riemann ni povas eltrovi por multobla spaco,




B

por spaco de unu, du, tri, kvar, aŭ « n » mezurdirektoj, strangan, sed kompare simplan sistemon da kurboj kiun ni nomu « Geodesikoj ». Tiuj ĉi kurboj estas eltrovataj per la principo de « malplej agado » kaj la fakto ke, en ia ajn spaco, la elementa distanco inter du punktoj estas donata kiel « ds » en :

$$ds^2 = g_{ij}dx^i dx^j$$

kie la gij estas dekses funkcioj de la $x^1$. (Estas kvar $x^1$). Ni povas diri ke la geodesikoj estas la vojoj en la spaco, kiuj estas la malplej grandaj distancoj inter punktoj. Nun, se ni diras ke la geodesikoj estas la naturaj vojoj, ni diras ke en la kvarobla spaco, « Spaco-Tempo », ili estas la vojoj de pez-punktoj movante libere. Eble la vojoj de falantaj pecoj, planedoj, ktp. estas geodesikoj ! Se ni rigardas la bildon el vidpunkto de l'matematiko, ni ne bezonas la altireblecon de gravitado.

Denove ni komencu ĉe la unua pensado, sed ni nun parolu pri geometrio. Ĉiu scias, ke la geometrio de l' unuaj lerntagoj ne estas korekta, kiam ni laboras sur la supraĵo de sfero. Ni regardas la landkarton de la tero, ĝi estas ebena peco da papero kaj ni scias ke la tero estas sfero. Ĉu la landkarto donas korektan ideon de la formo ? Nur en speciala loko, ĉie alie la lando estas malegale formita. En la malgranda spaco kie la formoj estas la samaj la geometrio de ebenaĵo (Eŭklida) estas simila je la geometrio de la sfero, sed, se ni iras iome for de la origino, la du geometrioj ne estas la samaj. La ĉirkaŭaĵo de cirklo en Eŭklida geometrio estas pi × D, kie D estas la diametro mezurita laŭ la ebenaĵo. Se cirklo estas metata sur sferon, kies supraĵo estas ne-Eŭklida, la ĉirkaŭaĵo ne estos pi × D, kie D estas mezurita laŭ la supraĵo. Nu, vi diras, kial vi ne mezuris la diametron de la cirklo ? La linio, kiun vi uzas, estas kurbo sur la sfero ! La malfacilaĵo en kvarobla spaco povas esti sentata tie ĉi, se ni supozus ke ni loĝas nur en duobla spaco, t. e., ke ni ne scias pri pli ol du mezurdirektoj. En tiu okazo, ĉu ni estas sur ebenaĵo aŭ sur sfero, ni ne scius, kaj ni mezurus la diametrojn de cirkloj, kiel mi supre faris. En unu ekzemplo mi akiras la korektan rezulton, en la alia ne. Tiam la demando sin prezentas : Kial mi ĉi tie estas korekta en mia laboro kaj tie ne ? La respondo estas (sed mi estante duspaca estanto ne komprenas ĝin), ke unue la spaco ne havis kurbecon kaj duloke la spaco havis kurbecon. Alivorte, unue la spaco estas Eŭklida kaj due la spaco estas ne-Eŭklida. Post longa tempo eble la duspaca estanto akiros sufiĉan informon pri la mondo ke li komencus kompreni ke li ne loĝas en duobla spaco sed, kiel ni trispacaj personoj scias, li loĝas en triobla spaco, kvankam la tria mezurdirekto ne estas komprenebla.

Nun pripensu la spacon, en kiu nia mondo ekzistas. Ni trovas ke, por citi precize la lokon de okazo, ni devas doni kvar mezurnombrojn, la tri spacajn distancojn kaj la tempon. Matematike tiu ĉi estas kvarobla spaco, ĉar kvar nombroj estas necesaj por ĉiu okazo. Tial fundamente ni loĝas en kvardimensia spaco-tempo, kiun ni ne povas senti, escepte per la matematiko. Imagu ke ni estas en tiu ĉi spaco kaj ke la spaco (kvardimensia) estas fleksita ĉirkaŭ grandega stranga sfero. Kia sfero kaj kiel, ni ne povas imagi. Simile je la malfeliĉa duspaca popolo sur la tridimensia sfero ni eble iutage trovos mezuradon, kiu ne estas kiel ĝi decas esti. Eble post longa tempo ni komencos kredi, ke iamaniere nia spaco estas ne-Eŭklida ; ke ĝi estas kurbigita. Feliĉe la matematiko de ĉi tia mondo estas de longa tempo ĉe niaj manoj ; la Geometrio de Riemann. Eĉ se ni ne povas kompreni la fizikan bildon ni povas kalkuli per la geometro.

En ĉi tiu kvardimensia spaco la interspaco inter du « okazoj » estas « ds » en :

$$ds^2 = g_{ij}dx^i dx^j$$

kie i kaj j povas havi la valorojn 1 gis 4. La $g_{ij}$ signifas la specon de spaco pri kiu ni parolas. De la $g_{ij}$ per la absoluta kalkulo estas eble devenigi funkcion de la unuaj diferenciaĵoj de la $g_{ij}$ kiu estas nomita la Ricci-Tensoro kiu estas skribata $G_{ij} = O$.

La egaleco kun nenio estas la Einstein' a kondiĉo de gravitado. De la dekses egalecoj $G_{ij} = O$ kaj la egalaĵo de geodeziko, kiun mi ne skribas, estas eble devenigi la egalaĵojn de la orbitoj de planedoj, de la vojoj de lumo preteriranta la sunon, kaj de la agado de atomoj en distanca materio.

La nekorektaj mezuradoj de la kvardimensia spaco estas trovitaj, ekzemple en la turnado de la orbito de Merkuro, kaj en la pasado de lumo apud la suno. La metodo de Einstein donas la korektan valoron kie la Newton'a eraras. Pro la sukceso de la teorio de relativeco bazita sur la geometrio de Riemann, ni nature diras ke, ĉar la geometrio asertas ke la spaco estas kurbigita kaj kvardimensia, ni loĝas en tia spaco. La vojoj de falantaĵoj estas la naturaj vojoj, gravitado ne bezonas eteron, ĉar gravitado ne plu estas agado ĉe distanco, sed estas io elpensita de niaj tridimensiaj mensoj por klarigi la formon de la vojoj. La kurbeco de spaco estas la mezurilo de tiu ĉi gravitado aŭ pezo de materio, kaj efektive la granda duondiametro de l'Universo estas kalkulita per la scio de la tutkvanto de materio. Tiu ĉi kalkulo eble ne estas korekta, ĉar ni certe ne scias la kvanton precize. La ideo de kurbeco estas gvidinta nin al aliaj scioj, al kunigadoj de diversaj kampoj de fiziko, al la unueco de elektro kaj gravitado, kaj fine al la necerteco de la fizika mondo, kiel realaĵo. Niaj ideoj pri la mondo tra relativeco kaj la teorio de kvanteno ŝanĝiĝas multe kaj ni vere povas diri ke ni nun ekeniras strangan novan mondon, kie, post la floroj kaj la verdaj kampoj, ni vidas la grandan sistemon de mondgeometrio.

---

## Sinjoro Bufo.

*Amfibrakaĵo (trisilaba versritmo)*

*Ne timu la bufon, etulo !*

*Bonulo ĝi estas, ne mordas kaj ĝiaj malgrandaj fingretoj ungegojn ne uzas !*

*Vi vere rimarkas tro granda la buŝon, tro larĝa la korpon, tro falta, gluaĉa la haŭton kaj ja malkonante la ulon vi pensas :*

*— Fi... fi... la bestaĉo !...*

*Neniam, etulo, neniam aferon vi juĝu laŭ ĝia unua aspekto.*

*Ni vidas vizaĝojn, ne vidas la korojn.*

*Ĉu estas ni mem kiuj helpas S-ron Ĝardenkulturiston en lia metio ?*

*Ĉu mi kiu skribas, ĉu vi kiu legas, laboras ?*

*Do, kiu ?*

*Ho, jes la helpanto nur estas Sinjoro La Bufo.*

*Ĉar ofte dum kiam la viro ripozas, la besto zorgeme protektas la simplajn violojn, la dolĉajn hontemajn ruĝfragojn, la tiel gustumajn foliojn de l'verda brasiko.*

*— La Bufo alvenas !... Forkuru... forkuru... la vermoj ekkrias.*

*Kaj ĉiuj sinjetas, kaj ĉien kaj blinde forrampas en tutforsaviĝan disiron.*

*Nenion valoras la verma intenco.*

*Se bufa marŝado ne estas lepora en la rapideco, ĝi certe pli trafas ol eta kurado de iu senkrura rampulo.*

*— Forkuru... forkuru... la vermoj ekkrias.*

*Jen buŝo, buŝego pretiĝas...*

*— Forkuru... Mi mortas...*

*Kraŭ, kraŭ... en stomakon.*

*La simpla violo modeste ĝin diras : Mi dankas ! La frago, dankema, ruĝiĝas pli forte ! Kaj ankaŭ dankeme la bona brasika okulo malfermas la verdajn palpebrojn !*

*Rigardu, etulo.*

*Noktiĝas.*

*Sinjoro La Bufo promenas kaj pasas, repasas, dorlotas la bedojn gardante la florojn.*

*Aŭskultu, etulo, ke ĉiuj, aŭskultu, kliniĝas kaj ŝajnas ĝin diri sekrete kaj eble kompate :*

*— La buŝo ne estas tro granda... La korpo ne estas tro larĝa... La haŭto ne estas tro naŭza...*

*Kaj inter la bufoj, amiko, vi kredu, vi estas tre bela !*

*Saldanha Carreira, Lisboa*

 **SOCIA VIVO** 

## La Abstineca movado en Finnlando

DE H. SALOKANNEL.

Estis apenaŭ antaŭ 70 jaroj kiam oni konsideris la finnojn kiel plej fortaj drinkuloj en Eŭropo. La energia, centjara porabstineca laboro tiel ŝanĝis la situacion, ke la sama popolo fariĝis la plej sobra en tuta Eŭropo. Jam la prafinnoj estis famaj pro sia bonega biero, kiun eĉ sveda reĝo mendis por sia kortego. En tiuj 650 jaroj (1157-1809), kiam la lando estis aneksita al Svedujo, oni ne povas paroli pri ia abstineca movado ĉe finnoj. Kiam en 16-a jarcento la brando venis en nian landon, oni komence, eĉ oficiale, faris ĉion eblan por disvastigi la uzadon de alkoholo. Reĝoj kaj pastroj rekomendis ties sanigajn ecojn. Unue katolikaj, poste luteranaj pastroj kaj kelkaj laikoj ekparoladis kontraŭ la tro-uzado de brando, atentigante pri ties teruraj sekvoj. Tamen malpermeso de brando jam estis kelkfoje mallongan tempon valida, laŭ ordono de iaj svedaj reĝoj. Dum la rusa epoko (1809-1917) la registaro fine forprenis de la vilaĝanoj la rajton fari brandon. Kompreneble oni komence multe malrespektis tiun ordonon, sed iom post iom la kaŝa farado de brando fariĝis preskaŭ bagatela. Poste la komunumoj ricevis la rajton limigi la nombron de la vendejoj de alkoholaĵoj, precipe de brando, vino kaj biero. Multaj komunumoj uzis tiun ĉi rajton kaj fariĝis preskaŭ senalkoholaj. En 1917 Finnlando disiĝis de Rusujo kaj fariĝis memstara respubliko. Tiam la voĉo de l' popolo estis atentita. Post longa penado la plena malpermeso (1 junio 1919) validiĝis, malpermesante faradon, importon, disvendadon, transporton kaj deponadon de ĉiuj alkoholaĵoj por aliaj ol medicinaj, teknikaj kaj sciencaj bezonoj. Tiu ĉi leĝo ne venis neatendita, ĉar ĝin antaŭiris 100-jara laboro por abstineco kaj jam en 1885 la vilaĝanoj kaj la pastraro de tiama 4-ĉambra parlamento unuan fojon, kvankam sen rezulto, petis pri plena malpermeso.

La abstineca movado en nia lando, same kiel en kelkaj aliaj eŭropaj landoj stariĝis en la komenco de la 19-a jarcento. Tiam rondvojaĝis en Eŭropo amerika teologo Robert Baird, laŭ invito de prusa reĝo Friedrich Wilhelm III. Li vizitis i.a. la kortegojn de pluraj reĝoj kaj imperiestroj kaj diskonatigis la labormetodojn de la amerika abstineca movado. Caro Nikolao akceptis Baird (1840) kaj eldonigis lian libreton en lingvoj rusa, estona kaj finna je 16,000 ekz. (1843). Jam 1831 sveda gazeto « Tidningar fran Helsingfors » publikigis artikolon pri la Usona abstineca movado. Tri jarojn poste kolektinto de finna nacia eposo « Kalevala », Elias Lönnrot (1834) en malproksima urbeto Kajaani fondis la unuan sobrecan societon. Li verkis ankaŭ libretojn pri moderеco. En 1859 areto da universitataj profesoroj kaj aliaj inteligentuloj en Helsinki starigis tutlandan societon, nomata « Amikoj de la Moderеco ». Ankaŭ ĝi eldonis libretojn por la moderеco, sed iom post iom oni vidis, ke la laboro por la moderеco donas tre malmultajn rezultojn, ĉar ne estas eble kutimigi la homojn drinki modere. Ĉiam okazas faloj, ĉar ĝuste el la aro da moderuloj fariĝas la grandaj drinkuloj. En 1883 oni ŝanĝis la nomon de la unuiĝo je « *Amikoj de la Abstineco* » kaj post 1888 tiu societo ne plu akceptis moderulojn kiel membroj. La tutlanda centra societo « Amikoj de la Abstineco » (Raittiuden Ystävät) plenumis plej gravan laboron por la abstineco en Finnlando. Ĝi havas nun 400 filiojn kun 25.000 anoj. En la komenco de nuna jarcento, sed precipe post la enkonduko de malpermesa leĝo (1919), fondiĝis pli ol dek aliaj tutlandaj societoj, tiuj de la instruistoj, studantoj, laboristoj, fervojistoj, ktp. el kiuj pluraj havas sian revuon. Kelkaj el ili estas filioj de « Rajttiuden Ystävät », kaj kelkaj ree aliĝis al « Ligo por Malpermesa Leĝo » (Kieltolakiliitto) kiu nuntempe estas la plej membroriĉa societo kun 500.000 anoj. Ankaŭ ĝi havas propran, ĉiusemajnan gazeton, « Kieltolakilehti » (Gazeto por malpermesa leĝo), kiu energie diskonigas abstinecon kaj cirkonstancojn rilate al la malpermesa leĝo.

La jaro 1927 estis jubilea por la finna abstineca movado : pasis ja 50 jaroj de kiam fraŭlino *Hilda Hellman* en urbo Vaasa (1877) iniciatis la *unuan* efektive abstinecan societon. Estas mirinde, ke ĝuste sama urbo estas naskiĝloko ankaŭ de juna Bontemplana movado (I.O.G.T.). Ideala kaj energia instruisto *Eino Salli* tie fondis la unuan finnan loĝion 1920. (La unua svedlingva loĝio naskiĝis iom pli frue.) Al la sveda grand-loĝio apartenas nun 50 loĝioj kaj al la finna 15. Tiu ĉi internacia formo de l' abstineca movado progresas malrapide sed certe, en la finna parto de l' lando.

Finnlando estas la sola lando en Eŭropo, kiu havas plenan alkoholmalpermeson. Ne mirige, ke ĝi altiras atenton. Ekzistas diversaj, ofte tute kontraŭaj opinioj pri la laŭceleco de tutmalpermeso. Ĉar la kontraŭuloj, precipe svedaj kaj kelkaj konservativaj finnaj gazetoj kaj vojaĝantaj akaparistoj ofte disvastigas malveraĵojn pri la leĝo, estas bone ĉi tie doni kelkajn informojn. La 10-jara sperto pri tiu granda reformo estas ankoraŭ tro mallonga por doni tute fidindajn statistikajn informojn. Novajn leĝojn oni ja komence ĉiam rompas, precipe la leĝojn, kiuj penadas ŝanĝi la centjaran socian kutimon de la homoj. Multajn jardekojn oni devis batali ekz. kontraŭ la sklaveco, marrabado kaj oficiala prostitucio, kaj tamen ili jam estas preskaŭ venkitaj. Necesas ankoraŭ jardekoj da laboro por abstineco antaŭ ol la malpermeso estos obeata de ĉiuj izolaj homoj. La plej rimarkinda kaŭzo de rompado de la leĝo estas kaŝa transporto (kontrabando) de alkoholo el Estonujo, Danzigo kaj Germanujo, sed ju pli da ŝtatoj aliĝas al la jam farita interkonsento de deko da nordaj ŝtatoj por la komuna kunagado kontraŭ la kontrabando, des pli malmulte oni povas misuzi la komercajn flagojn de Turkujo, Rumanujo, Ĉilo, ktp. Finnlanda registaro tamen jam faris aranĝojn kontraŭ tiu ĉi malbonaĵo. La leĝo estas rompata ĉefe nur en la bordregionoj de finna golfo, sed pli malproksime la provinco jam ofte estas tiel senalkoholigita, ke oni malofte renkontas ebriulon. Ĉiuj kiuj rememoras la tempon antaŭ la milito, devas jesi, ke okazis granda pliboniĝo de cirkonstancoj. En tiamaj trajnoj la ebriuloj estis ĉiutage renkonteblaj, nun tre malofte. La vivo ĝenerale ricevis tute alian, pli agrablan, pli pacan aspekton, se oni abstraktas esceptojn, pri kiuj la kontraŭuloj kutime faras grandan bruon. Precipe la laboristaro pliriĉiĝis, iras pli bone vestita kaj ĝenerale neniam fartis pli bone ol nun. La sanstato pliboniĝis kaj la meza mortemo de l' popolo grade malaltiĝis. La bankoj ricevas pli da deponoj kaj ĉie regas rimarkinda entreprenemo kaj bonfarto. La nombro de t. n. « krimoj je spirito » vere pliiĝis, kaj eble ankaŭ la ĝenerala krimeco en kelkaj lokoj, sed ne estas konstatite, ĉu la malpermeso tion kaŭzis. Malmoraliĝo okazis post la mondmilito ankaŭ en aliaj landoj, ekz. en Svedujo, kvankam ĝi havas tute alian, t.n. reguligan sistemon. Kompreneble ankaŭ la pliseverigita observado pliigas ekz. la nombron de arestitoj, ĉar nun oni konsideras kiel krimo tion, kio antaŭe ne estis konsiderata tiel. La malpermeso jam havis tiom da bono, ke estas certe ke ĝi neniam estos

renversata. Kompreneble la leĝo bezonas plibonigojn, sed la nuligo apenaŭ ne estas ebla. La fundamento estas fortika. Por la leĝo pledas tuta laboristaro, pastraro, instruistaro kun malgravaj esceptoj. Poste sekvas la eklezioj, diversaj religiaj direktoj, preskaŭ ĉiuj politikaj partioj, kaj la pli multo de l' parlamento. Dekon da fojoj tiu ĉi parlamento ĉiam denove aprobis la leĝon. Siaflanke la kontraŭuloj ne kapablis prezenti ian pretan, pli bonan sistemon, kiu povus anstataŭi la malpermeson. Kaj fine : la pli alta etiko staras sur nia flanko: la kutimo uzi alkoholaĵojn estas proklamita kiel malvirto, kiu ne plu havas protekton de la ŝtato.

La pioniroj de la abstineca movado estas, krom la jam diritaj : antaŭ ĉio kuracisto A.A. Granfelt kaj edzino Mandi Granfelt kaj ŝtatscienca doktoro Matti *Helenius-Seppälä* kaj edzino Alli *Trygg-Helenius*, tiu lastenomita paro travojaĝis preskaŭ ĉiujn landojn en Eŭropo kaj en Ameriko, faris milojn da paroladoj, aranĝis instruadon de abstineco kaj verkis centojn da libroj, libretoj kaj flugfolioj. Tiuj ĉi homoj estas jam mortintaj, sed iliaj nomoj ĉiam brilos en la historio de l' abstineca movado.

## La Haĝa inter-religia Kongreso por paco

Ĝis nun nia gazeto ne donis detalan raporton pri tiu grava kongreso okazinta kelkajn tagojn antaŭ la Antverpena. Ni nur konstatis, ke ĝi uzis Esperanton tre sukcese kiel solan traduklingvon de ĉiuj prelegoj faritaj en holanda, franca, germana kaj angla lingvoj.

Nun aperis la protokolo de tiu kongreso tre zorge kaj senpartie redaktita de Sino Isbrücker en holanda kaj esperanta lingvoj. La bela 160- paĝa volumo kun impresa ilustraĵo estas mendebla por sv. fr. 2.30 aŭ gulden. 1,15 ĉe la eldonejo *Servire, Rietzangerlaan* 15, *Den Haag, Nederlando.*

En ĝi oni trovos prelegojn de konataj Kristanoj, Mahometanoj, Hinduistoj kaj Liberpensuloj, ne pri unuecigo de religioj, kio ne estis la temo de la kongreso, sed pri paco laŭ la vidpunkto de la diversaj kredoj. En pluraj el ili estis severaj konstatoj kaj memriproĉoj pri kulpa sintenado tiurilate. Kelkaj el tiuj prelegoj enhavas tre altajn kaj kuraĝajn pensojn helpantajn Okcidenton kaj Orienton pli bone kompreni unu la alian.

Ferminte la interesan kaj pripensigan volumon oni vole — nevole revenas al la forta deziro de Dro Zamenhof, ke la homoj lernu trovi tion, kion ili havas komunan, kaj utiligu sian plej altan spiritan fervoron por akceli pacon kaj ne por sanktigi malamon kaj militon per antaŭjuĝoj.

Estas fakto, ke ŝovinismo enpenetris ĉien. Ofte ni juĝas la aliajn religiojn per iliaj plej malsuperaj esprimaĵoj : fanatikismo aŭ superstiĉoj, sed ni postulas, ke oni juĝu la nian laŭ la plej altaj animoj en ĝi. Du pesiloj, du mezuriloj. Nu kion orientaj rasoj povus pensi se ili devus juĝi la religion de l' Okcidentanoj laŭ ties civilizo, bazita sur milito kaj socia maljusteco ? Se ni deziras, ke la ceteraj juĝu nian kredon per ĝia plej supera spirita valoro, ni devas apliki la saman mezurilon ankaŭ al ilia.

Estas nenio alia ol ŝovinismo klopodi je sukceso por la nomo aŭ etiketo de sia propra kredo anstataŭ peni por sukceso de ĝia spirita enhavo, kio estas multe pli grava. Valoras citi parton de la mallonga prelego de la hinda edukisto Prof. Sanjiva Rao, el Benarès, al la Haga kongreso :

« Ni en Hindujo vidas la ĉefan malbonon en la herezo de la memamo, en la kredo, ke vi povas dividi la vivon en fakoj, homgrupoj, nacioj, k.t.p. Ĉiuj konfliktoj estas kaŭzataj de la falsa kredo, ke la intereso de unu estas malsama ol tiu de aliaj, aŭ ke unu estas supera al alia kaj alia malsupera. Ĝuste tion vi instruas per patriotismo, certigante eĉ al infanoj, ke ilia nacio estas la plej grava, la plej bona, la plej bela.

Vi sincere kredas, ke via kulturo, via religio, viaj pensoj estas la plej perfektaj. Do se vi estas la plej bonaj, ĉiuj ceteraj « necivilizitaj » aŭ « paganoj », kiel mi, devas necese nur servi al la grandeco de via propra regado.

Jen la deveno de ĉiuj militoj. Bedaŭrinde oni disvastigis tiun militkaŭzan kredon per eklezioj, lernejoj, edukado, gazetaro k.t.p. Do kie estas la solvo ? Antaŭ 2500 jaroj en Benares Buddha diris, ke malamo ne povas ĉesigi malamon, sed nur amo. Antaŭ 1900 jaroj Kristo diris : amu unu la alian.

Nu, mi demandas al vi : ĉu vi kredas tion ? Se mi rigardas vian civilizon, ĝi respondas : ne. Kiam vi vokas instruistojn aŭ ŝtatistojn, ĉu vi demandas al ili, ĉu ili kredas je la instruo de Kristo, ne nur dimanĉe en la preĝejo, sed en la plublika vivo, same kiel en la privata ?

En viaj rilatoj kun ĉiuj homoj, kun la oriento, kun la aliaj nacioj kaj rasoj, ĉu vi kredas en tiu instruo ?

Vi ne solvos la problemon per iu ajn sistemo, sed per la instruo de Kristo. Eŭropo devas kredi je ĝi, kiel je praktika solvo. Bernard Shaw ŝatas paradoksojn, sed iam tute serioze li proklamis, ke la sola praktika politikisto estis Kristo. Kaj Shaw estas granda studinto de ekonomio kaj historio.

Se vi povas rigardi min, ne kiel Hindon, sed kiel homon, via tuta vido ŝanĝiĝos. Vi devas formeti la okulvitrojn, kiuj vidigas homon kiel Hindon aŭ kolorulon, aŭ riĉulon aŭ manlaboriston aŭ intelektulon.

La solvo estas simpla, se oni komprenas fine, ke ne donos profiton venki aŭ esti venkata, kaj ke fakte vi ne povas eltiri veran avantaĝon el domaĝo de aliaj. Tute same la instruoj de Buddha kaj de Kristo montras, ke neniu homo kaj sekve neniu nacio povas tiri feliĉon el malfeliĉo de alia. »

## La edukista Mondfederacio

de Henry W. Hetzel, Philadelphia

La instruistoj de la mondo havas nun, eble pli ol iam antaŭe, specialan gravan rolon. Kompreneble, niaj infanoj ĉiam bezonas instruon en matematiko, sciencoj, lingvoj, k. t. p., sed nun la edukado de la estontaj civitanoj ĉiunaciaj postulas ion pli gravan. Oni devas scii ke la plej abomena malamiko de la civilizacio estas la militarismo. Se la plej kulturitaj, altidealaj homoj ne povos forigi por ĉiam la minacantan senton de interfrata malpaco, nenio utilos ; la artoj, sciencoj, literaturo, — la civilizacio mem nepre pereos !

Estas ĝuste diri ke la edukistoj de la mondo jam sentas la krizon en kiu troviĝas la homaro. Kiel evidenton ni citu la « World Federation of Education Associations ». Tiu grava mondorganizacio fondiĝis antaŭ ses jaroj pro la iniciativo de la Komitato pri Internaciaj Rilatoj de la « National Education Association », la plej granda asocio de geinstruistoj en Usono, eĉ en la mondo, kaj nun havanta preskaŭ 200.000 membrojn. Sub la prezido de la Direktoro de Instruado en la Ŝtato Maine, Dro A. O. Thomas kiu ankoraŭ estras ĝin, la Federacio rapide kreskis pro la aliĝo de edukaj organizacioj en preskaŭ ĉiuj landoj. Post sia fondiĝo en San Francisco 1923, ĝi havis Konferencojn en Edinburgh 1925 kaj Toronto (Kanado) 1927. En tiu lasta partoprenis proksimume ses mil personoj, precipe geinstruistoj, el 32 diversaj landoj.

Jen kelkaj deklaritaj celoj de la Federacio :

1. Akceli pacon kaj amikecon inter la nacioj.
2. Efektivigi tutmondan plenumon de la rajtoj kaj privilegioj ĉiunaciaj.
3. Kreskigi bonan percepton de la naturaj karakteroj de la diversaj nacioj, akiritaj dum jarcentoj de progreso.
4. Enhavigi pli korektan informon pri aliaj nacioj en la lernolibrojn. Precipe, eviti esprimojn de ŝovinismo en la instruado de la historio.
5. Konigi al la gejunuloj tiujn altajn idealojn por efektivigi la principojn emfazitajn en la « Konferenco por Limigi Armilarojn », (Washington 1922).
6. Unuvorte, emfazi la fakton, ke homoj ĉiulandaj samopinias pri la abomeneco de la militarismo, kaj ke universala paco estas absolute necesa por vera progreso. Por efektivigi tiun programon oni jam aprobis la jenan rimedaron.

*a*. Instrui politikajn principojn laŭ la internacia vidpunkto por kutimigi la geknabojn pri la diversaj kontaktoj necesigitaj per modernaj komunikiloj kaj vojaĝado.
*b*. Per la organizado de la materialo de lernolibroj por ke aperu la ĉefaj karakterizoj kaj idealoj de la nacioj.
*c*. Per la interŝanĝado de instruistoj kaj per stipendioj al studentoj alilandaj.
*d*. Per programo celanta universalan edukadon, precipe karakteran kaj etikan.
*e*. Per interŝanĝado de gazetoj kaj artikoloj pri edukado, pri programoj kaj metodoj uzitaj en la diversaj landoj.
*f*. Per la stimulado de korespondado inter la lernantoj de diversaj landoj.
*g*. Per la enkalendarigo de « Tutmonda Amikectago » (la 18*an* de Majo) kiun oni ĉiulande festu.

Oni rimarkos ke inter la grandanimaj kaj altidealaj celoj supre diritaj nenie troviĝas eĉ vorto pri la neceso de internacia lingvo. Tamen, pro tio ne tro bedaŭru ; la fakto ke ne-Esperantistoj sentas la urĝan neceson de tutmonda kunlaborado en spiritaj aferoj estas kaŭzo de ĝojo. Ni povos esti certaj ke ĉe la koroj kaj intelektoj de tiaj pensemaj edukistoj Esperanto faros fortan alvokon. Ĝis nun la Federacio kunvenis nur en landoj kie la angla lingvo sole regas ; do, dum estintaj konferencoj nenia lingvo-problemo leviĝis. La partoprenantoj verŝajne supozis, ke tia problemo nenie ekzistas !

Tamen, feliĉe por nia movado, la Federacio la nunan jaron havos sian Konferencon en Ĝenevo (la 25*an* de Julio- la 3*an* de Aŭgusto) pro la invito de la Instituto Jean-Jacques-Rousseau, kies Direktoro, Dro Pierre Bovet, estas bone konata inter samideanoj. Jen granda kaj glora okazo por ni Esperantistoj kiuj estas ankaŭ instruistoj ! Nepre kaj diversmaniere la temo de Esperanto prezentiĝos al la Konferenco ; estas jam decidite utiligi Esperanton en unu sekcio. Ĉe la antaŭdujara Konferenco en Toronto oni en komitato prezentis rezolucion, kiu celis per speciala komisiono formalan enketon koncerne la bezonon kaj praktikecon de internacia helplingvo. En la plena kunsido inter multaj aliaj deziresprimoj ĝi estis aprobita — kaj unuanume — sed eble tuj forgesita ! Kial ni ripetu la provon ? Post iom da sperto pri multlingveco en sia propra agado nia progresema organizacio instruista baldaŭ konfesos ke en la nuna epoko karakterizita per la aerŝipo, la radio kaj eĉ distancvidado, la manko de komuna lingvo por la mondo estas vere absurda anakronismo. Oni plie konfesos ke la lingvo Esperanto kiel rimedo por tiu plorindaĵo kaj kiu, laŭ multaj inteligentaj homoj, estas la solvo de la problemo, almenaŭ meritas serioźan esploron.

Se ni plene komprenas ke la Federacio laŭ siaj celoj kaj metodoj estas vere Esperantisma, eĉ sen Esperanto, ni bone sentas la neceson kunlabori kun ĝi por ke nia kara movado faru gravan antaŭpaŝon.

---

## Programo de la Kongreso

Ni ricevis belan ilustritan programon de la kongreso presitan en Esperanto kun ĉiuj necesaj detaloj. La malfermo okazos Vendredon 26 de Julio posttagmeze kaj la du kunsidoj kun esp. tradukado, Lundon 29an kaj Mardon 30an de Julio, pri edukado al paco kaj edukado al laboro.

La unuan de Aŭgusto okazos granda festo kun fajra lumigado de la Ĝeneva Lago.

Ni insiste petas la esperantistajn partoprenontojn ke ili afable nin avertu per poŝtkarto, por ke ni sciu pri ili kaj povu helpi ilin ĉe stacidomo, por loĝado k. t. p. Loka Helpkomitato de Ĝenevaj esperantistoj formiĝis .

---

**XXI<sup>a</sup> Universala Kongreso de Esperanto, Budapesto 1929**

**—:— Esperantistoj, partoprenu multnombre. Uzu la aldonitan aliĝilon —:—**

# LITERATURO

## Reo, la fripono

Rakonto el la Suda Maro
de L. Becke

Reo estis malalta dikkorpa malajo kun elektrizita vizaĝo, ne atentante la okulojn, kiuj estis longaj malvastaj fendoj kaj esprimadis nepran indiferentecon al la mondo. Li venis al Samoa, longe antaŭ ol la tieaj komercantoj ekrevis pri kontraktoj, ŝtataj oficistoj kaj aliaj belaĵoj. Kvazaŭ li estus falinta de l'ĉielo, li subite ĉeestis.

Je malfrua posttagmezo, kiam Denison, la superkargo kun kelkaj amikoj sidadis sur la verando ĉe biero, li promene aliris ilin kaj diris " Bonan vesperon ! "

" Halo ! " vokis Schlüter, la ŝipestro de la " Anna Godefroy ". " Kiel vi fartas ? De kie ci venas ? "

Kun sia mallonga argila pipstumpo Reo faris tra la aero vastan, nedifinitan linion kaj respondis : " Ho, de ie. Kion mi scias ? "

Unu el ili ekridis, prave supozante, ke li forkuris de iu ŝipo. Sed tiam li ekmemoris, ke de antaŭ monato neniu ŝipo atingis Apia' on. (Poste Denison sciiĝis de Reo, ke li el guanoŝipo veturanta laŭ la marbordo, estis saltinta trans la randbarilon kaj naĝinta al tero. Dudek mejlojn for de Apia, li ĝin atingis. La enlanduloj en la indiĝenaj vilaĝoj estis lin provizintaj je manĝaĵo kaj trinkaĵo.)

" Kaj kion ci nun volas ? " demandis Schlüter.

" Iom da tabako, mi petas. Kaj dolaron aŭ du. Mi povas ĝin repagi al vi. "

" Kiam ? " demandis malkredeme Hamilton, la piloto.

La pipo priskribis duonrondon. " Ho ! morgaŭ vespere — eble jam pli frue ".

Ili donis al li iom da tabako, kelkajn alumetojn kaj kvar " ferajn " bolivianajn duondolarojn. Li leviĝis kaj iris trans la straton en la magazenon kaj grogvendejon de Volkner.

" Li volas havigi al si botelon da kvadratĝino, opiniis Hamilton.

" Li ĝin meritis, " malgaje diris Denison. Al homo tiom aĝa, kiu povis salti trans la randaĵon kaj naĝi al la bordo de tiu fuŝzorgata tero, oni devus donaci keston da ĝino kaj tranĉilon, por tranĉi la kolon, kiam li estos fininta ĝin.

Post ĉirkaŭ dek minutoj la maljunulo ree eliris el la Volknera remizo kun du aŭ tri fortaj hoklaĉoj, kelkaj paketoj da hokoj kaj seso da ŝipbiskvitoj. Li rikanis, kiam li preterpasis la grupon sur la verando, ekkaŭris sur la herbaro proksima kaj komencis elvolvi la ŝnurojn kaj fiksi la hokojn. Denison, kiun la afero interesis, transiris ĉe lin kaj admiris la lertecon, kun kiu la brunaj malgrasaj fingroj laboradis.

" Kie ci volas fiŝkapti ? " li sin informis.

La larĝa, plata vizaĝo eklumiĝis. " Ekstere, en la profunda akvo, sesdek, okdek klaftojn. "

Denison forlasis lin kaj iris en la malnovan veturilon abundegantan je " kakerlatjoj " (blatoj), kies malfeliĉa superkargo li estis. Duonan horon poste Reo padelis preter la skunon en mizera malnova kanoto, kies ekvilibrigilo estis tiel malsufiĉe fiksita, ke ŝajnis ĉiumomente foriĝonta. Ekkonante Denison' on li rikanis. Poste, la pipon en la buŝo, li kuraĝege veturis trans la bruegan ondofrapadon for en la bluan, ondantan maron.

Je la deka, ĝuste kiam la superkargo kaj la ŝipestro trinkis sian lastan glaseton, antaŭ ol ili ripozkuŝiĝis, la maljunulo senbrue en sia kanoto la ŝipflankon alglitis kaj grimpis sur la ŝipon. En la dekstra li havis grandan, salmosimilan fiŝon, kiu pezis dudekon da funtoj. Kuŝiginte ĝin sur la ferdekon, li montris ĝin.

" Ankoraŭ multe da similaj en la kanoto. Ĉu vi volas kelkajn pliajn ? "

Denison aliris la randon kaj rigardis transen. La kanoto estis ĝis la rando plena je fiŝoj. Fiŝoj, kiajn la mallaboremaj, netaŭgaj indiĝenoj de Apia nur malofte kaptadis. La maljunulo du aŭ tri el ili suprenigis, akceptis glason da grogo kaj padelis al la bordo.

La sekvintan matenon li repagis la prunteprenitan monon kaj vidigis al Denison dekkvin dolarojn — la produkton de sia unua dumnokta laborado en Samoa. La salonestroj kaj aliaj blankuloj diris ke Reo estas juvelo. Fiŝoj estis multekostaj en Apia kaj malfacile ekhaveblaj.

La sekvintan dimanĉon edziĝa procesio eniris la Raratonga-kapelon en Matafele kaj Tettarreo (Reo) kontraktis la porvivan unuiĝon kun iu el la plej belaj knabinoj en la urbo kaj ne tro malestiminda, kies gepatroj estis komprenintaj, ke Reo povos sin montri plej profitdona kaj facile elpremebla bofilo. Denison estis honora fraŭlo kaj donacis al la fianĉino usonan kvindolaran ormoneron, interkonsentinte antaŭe kun la fianĉo, ke li ricevos por tio samvaloran aron da fiŝoj.

La parencoj de la edzino de Reo konstruis al la juna paro domon sur Matautu Point, kaj Reo uzis tridekkvin dolarojn por havigi feston al la tieaj parencoj kaj konatuloj de sia edzino. La sciigo pri tio disvastiĝis kaj unua-kaj duagradaj kuzoj kaj diversaj onklinoj kaj duononkloj ekiris al Matautu Point, por same ĝui la gastemon de Reo.

Li faris sian eblon, sed post kelkaj tagoj malgajege diris ke li en mizera kanoto ne povas sufiĉe rapide kapti sufiĉan aron da fiŝoj. Se li havus konvenan boaton, li povus perlabori kvindek dolarojn posemajne ; kaj kun kvindek dolaroj posemajne li povus seninterrompe kaj inde gastigi la estimatajn amikojn de sia edzino.

La geparencoj interkonsiliĝis, kaj konvinkitaj ke tio estas bona afero, ĉiuj partoprenis kaj aĉetis (prunte) boaton de la germana firmo, donante kiel garantion hipotekon pri areaĵo.

Tiam ili kun multe da honorigaj alparoloj donacis la boaton al Reo kaj sidiĝis kaj subridis pri la maniero, kiel ili " laborigos la maljunan stultulon ". Sed la " maljuna stultulo " iris rekte al la konsulo usona, prezentis sin kiel nacianon de Usono kaj postulis la protekton de sia ŝtato, ĉar li timas, ke la parencoj de sia edzino intencas iel senigi lin de la posedo de la donacita boato.

La konsulo skribis kelkajn fortimigajn vortojn sur grandan paperfolion, kiun li fiksis al la boato, kaj admonis la mirigitajn parencojn per deklaracio, ke laŭ neceso usona militŝipo protektos Reon per siaj pafilegoj. Poste Reo iris en sian domon kaj bategis sian edzinon per kanotpadelilo, forpelis ŝin trans la pordo kaj minacis ŝiajn virajn parencojn per granda tranĉilo kaj teruraj paroloj.

Tion farinte li direktis la boaton al la alia flanko de la insulo, vendis ĝin al komercanto por ducent dolaroj, revenis al Apia ĉe Denison kaj petis de li transveturon al Tutuila, la najbara insulo, dum la germana firmo ekposedis la garantie donitan areaĵon, kaj la furiozaj parencoj kurante tien kaj reen laŭ la marbordo laŭtege postulis la sangon de Reo. Sed Reo, la ducent dolarojn en la pantalona poŝo, sidis sur la randbarilo kaj rigardis ilin flegme kaj sen kolero.

Denison surterigis lin en Leone Bay sur Tutuila, ĉar plaĉetis al li la maljuna fripono, kiu havis kelkan bonan econ kaj de neniu, ĉu blankulo ĉu brunulo, estis superebla pri la nobla arto de l' marprofunda fiŝkaptado.

Reo ekloĝis en Leone kaj enspezis belan monsumon, elaĉetadante kopraon de la indiĝenoj.

La enlandanoj ŝategis lin — li estis tiom konscienca maljunulo. Kiam li pendigis la korbojn kun koprao al la fera koko de la rapidpesilo, kiu laŭ la skalo povis pesi ĝis 150 funtoj, li kutimis atentigi je la ciferoj ŝovante la multpezan pesilon laŭlonge la vekto. Sed iutage scivolema gasto

el la Tonga-insuloj ekzamenis la pezon kaj klarigis ke ĝi devenas de rapidpesilo, destinita pesi ĝis kvarcent funtoj.

Reo tiom koleregis pri tiu aludo, ke li tuj la tutan ilaron en sia ŝipeto surmarigis kaj dronigis en profundaĵo de kvindek klaftoj. Poste li revenis en sian loĝejon, kaj li kaj lia edzino (li estis refoje edziĝinta) kun malgaja koro adiaŭis siajn amikojn, al kiuj li diris, ke lia koro rompiĝis pro tiu kalumnio de malnoblega tongana fiulo el misia lernejo. Li estis, diris li, reveturonta al Apia, kie li estis ŝatata de ĉiuj, kiuj lin konis. Kaj li komencis paki.

Kelkaj el la enlandanoj aniĝis al la Tongano, aliaj al Reo kaj post malmultaj minutoj estiĝis sur la vilaĝa herbejo regula interbatado, dum Reo staris sur sia sojlo kaj per siaj mallarĝaj porkokuloj alrigardis. Poste, ĉar li estis grandanimulo, li aliris tri fortajn junulojn, kiuj senkonsciigintaj la Tonganon per sciaj batoj nun saltadis sur lia korpo, kaj petis ke ili ne suferigu lin.

Iom antaŭ noktmezo la kabano de Reo vidiĝis ekbruleganta kaj li mem kun sovaĝa timiga kriado " Fia ola ! Fia ola ! " (kompatu ! kompatu !) subenfuganta al sia boato, sekvada de sia edzino, granda, grasa virino, kiu karakterize nomiĝis, " Taufama " (abundo). Ili ĵetis sin en la akvon, grimpis sur la boaton kaj ekpadelis maren, kvazaŭ estus riskata ilia vivo. La vilaĝanoj, kredante ke ili ambaŭ ekfrenezis mirigite rigardis post ili kaj reiris por havigi al si kelkajn aĵojn savatajn el la domo brulanta.

Tuj kiam Reo kaj lia kara edzino estis ekster la vilaĝa vidkampo, ili returnis, alterigis la boaton en malgranda golfeto, elfosis tie monujon, kiu enhavis sepcent dolarojn, kune kun la plej bonaj komercaĵoj (savitaj antaŭ ol la fajro malkovriĝis) kaj ekvelis al Apia por " ekhavi sian rajton de la konsulo ".

La konsulo diris, ke ĝi estas indigniga perfortaĵo. La ŝipestro de la " U. S. S. Adirondack " samopiniis, do la kroz-ŝipo enŝipiginte la ofenditan Reon, kiu vidigis sian plej stultan mienon, vaporveturis al Leone Bay kaj donis al la mirigitaj indiĝenoj dekduhoran tempon por pripensado, kion ili faru — ĉu ili pagu al Reo mil dolarojn kiel kompenson por la forbruligo de la loĝejo aŭ vidu sian urbon forbruligata. Ili pagis sescent, ĉion havigeblan. Poste ili sidis kvazaŭ senkonsciigitaj kaj malgajege meditadis, kiam ili vidis la " Adirondack " ree ekveturi.

Reo donis al sia edzino malgrandan parton de la kaptaĵo kaj resendis ŝin al ŝiaj gepatroj. Kiam Tom Denison lin vidis la plej proksiman fojon, li posedis gastejon en Lepuka. Kiam Denison venis ĉe lin, li kore bonvenigis lin kaj donis dum tuta jaro senpagajn nutradon kaj loĝon.

Ĉar Reo havis ankaŭ bonajn ecojn.

Esperantigis Ejuna.

---

## Pli saĝa ol venĝo

de Edmond Privat

Dum la kvina centjaro antaŭ J.K. juna princo forlasis sian palacon kaj familion por serĉi en soleco la veran saĝon. Post kiam li ĝin trovis kaj profunde komprenis, li fariĝis Buddha kaj penis klarigi al junaj Hindoj kiamaniere liberiĝi el pasioj kaj suferoj.

Ofte li uzis alegoriojn aŭ rakontojn. Multajn oni ankaŭ poste devenigis de li. Plej rimarkindaj estas tiuj pri venko de malamo per ne — malamo, interalie tiu pri la reĝido Dighava.

Ekzistis iam en Benares granda kaj fama reĝo Brahmatta. Lia vasta posedaro ne sufiĉis al lia ambicio. Tial li almilitis eĉ tute modestan kaj malpotencan reĝeton Dighiti, kiu regis malgravan regnon Kosala. La potenculo kaptis la tutan landon kaj prenis ĉion, kio apartenis al Dighiti.

Tamen ĉi-tiu ne kontraŭstaris kaj rezigneme sin kaŝis alivestite kun sia reĝino en apuda regiono. Sed ilia trankvileco ne daŭris longe. Kiam la militema Brahmatta eksciis ke la forkurinta reĝo kun edzino vivas alivestite kaj pace en la ĉirkaŭaĵo, li ekkoleris kaj serĉigis ilin por ilin pereigi.

La kompatindaj gereĝoj de Kosala havis nur unu solan idon, sian amatan filon Dighava. Pro lia sekureco ili sendis lin for en alian regnon por ke li ne risku danĝeron. Sed la junulo tiom amis la gepatrojn, ke li nepre vizitis ilin.

Ĝuste tiun saman tagon kiam li alvenis por ilin revidi, la soldatoj de Brahmatta ilin forprenis al buĉado. Ekvidante sian knabon survoje, la mortonta patro diris al li : " Ne rigardu longe, kara Dighava, kaj ne rigardu mallonge, ĉar ne per malamo oni pacigas malamon, sed per ne-malamo "

Post la kruela morto de siaj gepatroj, la knabo faris ĉion eblan por ilin honore funebri kaj li rifuĝis en arbaron. Tie li ploris kaj ploregis por faciligi sian vunditan koron.

Ideo venis al li. Viŝinte siajn larmojn, li marŝis al la granda urbo Benares. Tie la mortiginto de liaj gepatroj havis la ĉefan palacon. Tie restadis la potenca reĝo Brahmatta kun amaso da gardistoj kaj servistoj.

Kiam la knabo alproksimiĝis, li povis ĝuste vidi la reĝan elefantiston kondukanta la gigantajn bestojn al korto kaj deprenanta de ilia dorso la luksan sidejon kun ruĝaj kusenoj el silko kaj brila orita tegmento.

Dighava lin atente rigardis. Kiam la laboro estis finita kaj la elefantisto alligis la lastan bestegon en la stablo, la knabo alproksimiĝis kaj demandis la homon ĉu li ne bezonus helpanton, ĉar li volus lerni la metion. Unue la gardisto surpriziĝis. Tamen la knabo ŝajnis inteligenta kaj lerta. En liaj nigraj okuloj brilis ardo. Post iom da ekzamenado li fine dungis Dighava kiel lerniston apud si ĉe la reĝaj elefantoj.

Fidele li plenumadis sian taskon, sed sufiĉe silenteme. La elefantojn li devis lavi, alporti al ili nutraĵon, purigi la elefantejon. Ĉion li faradis senmurmure kaj pacience.

Nokte, kiam la brilo de la steloj komencis konkurenci en ĉielo la unuan eklumon de l'venonta tagiĝo, tiam Dighava jam leviĝis kaj kantadis en la elefantejo. Lia voĉo estis belega kaj liaj fingroj elĉerpis el ljuto melodiajn sonojn, kiuj plenigis la korton de l'palaco per milda rava muziko kvazaŭ mirinda paradiza revo. Kiam la matena lumo plene jam alvenis kaj la glora suno ekbrilis sur la blankan urbon, tiam lia kanto fariĝis ĉiam pli kaj pli laŭta kaj la fama reĝo Brahmatta vekiĝis en ravo kaj miro.

Aŭdinte jam plurajn matenojn tiun ĉielan muzikon, la granda reĝo informiĝis kiu kantas tiel ĉarme kaj ludas tiel majstre ljuton.

— Elefantista helpknabo, plaĉu al Via Reĝa Moŝto ! respondis liaj servistoj.

— Venigu lin al mi.

Tiel okazis. Dighava devis kanti kaj muziki ĉe la reĝo, kiu fariĝis ankoraŭ pli ĉarmita kaj dungis lin en la palacon. Baldaŭ li jam estis la plej ŝatata servanta kunulo kaj Brahmatta post iom da tempo komisiis lin al pli alta posteno.

Unu tagon, kiam la Reĝo veturis al ĉasado, Dighava estis gvidanta lian ĉaron. La blankaj ĉevaloj brave

kuradis kaj iliaj haroj flagis en aero. Vento blovis. La knabo tiris pli kaj pli la bridojn kaj iom post iom malrapidigis la kuron.

Tiamaniere li sukcesis ke ĉiuj aliaj ĉaroj preterpasu la reĝan kaj daŭrigu for antaŭen jam tre malproksimen. Lia Moŝto estis ja laca post tiel longa veturado kaj Li volonte haltis. Dighava lin helpis el la ĉaro kaj ambaŭ sidiĝis sub arbo por ripozi. La Reĝo baldaŭ kuŝiĝis kun la kapo sur la genuoj de la knabo.

Dighava rigardis la vizaĝon de la dormanta Brahmatta kaj samtempe rememoris pri siaj amataj gepatroj kaj ilia terura mortigo. Venĝemo plenigis lian koron. Nun, li pensis, alvenis la momento kontentigi mian malamon al la mortiginto de miaj karuloj kaj forrabinto de mia patrujo. Post suferoj, post pacienco, post humiliĝo jen la tempo !

La knabo eltiris sian glavon. Sed li remetis ĝin en la ingon. Duan fojon li ĝin eltiris. Duan fojon remetis. Trian fojon li prenis la glavon. Trian fojon li remetis en la ingon...

Tiam subite vekiĝis Brahmatta, la potenca reĝo, kun terurigitaj okuloj.

— Aŭskultu, ho fidelulo, li diris. Sonĝon mi ĵus havis plej turmentan : jen aperis al mi la filo de Dighiti kun minacanta spado...

Mi mem estas Dighava, la filo de Dighiti, interrompis la knabo. Vi mortigis miajn gepatrojn. Vi forrabis mian landon. Nun venis la tempo ke mi plenumu mian venĝon.

— Donacu al mi la vivon, ho kara Dighava, donacu al mi la vivon ! ekploris la granda reĝo ĉe liaj piedoj. Ŝparu min !

La junulo ŝparis lin, reprenis sian postenon kiel ĉaristo kaj reveturigis hejmen la reĝon. Survoje li rakontis la scenon, kiam lia patro lin adiaŭis antaŭ sia morto. Brahmatta demandis la sencon de la vortoj de Dighiti al la filo : " Ne rigardu longe ! Ne rigardu mallonge ! Ĉar ne per malamo oni pacigas malamon, sed nur per ne-malamo ".

— " Ne longe ", respondis Dighava, tio signifas : — Ne lasu vian malamon eterniĝi — kaj " ne mallonge ", tio signifas : ne urĝu militi.

Brahmatta, la potenca reĝo, rehavigis al Dighava lian patran regnon kaj tutan posedaĵon. Sian propran filinon li ankaŭ donis al li kiel edzinon.

---

## Lia dua enamiĝo

Novelo de Inge Bjorn.

Vera Vall sidas antaŭ la spegulo, klinas sin pli proksimen al la vitro, parolante mallaŭte al sia propra bildo : « Tro plorinta kaj malbela vi estas, ekvidiĝas trajto maldolĉa ĉirkaŭ via buŝo kaj viaj okuloj ne toleras tro multajn larmojn. Tia, kia nun, vi ne aspektis antaŭ tri jaroj, kiam, vi edziniĝis kun Einar ! Sed ĉion li kulpas ! Li malzorgas vin, li preskaŭ indiferentas vin pro tro multe da aliaj interesoj. Sed kial, kial ? Ĉu vi ne povas tion diri al mi, tro plorinta, malbela Vera Vall ? Ne plorinte vi ne estas malbela, vi ĉion faras por ke la hejmo al li plaĉu, vi penadas esti la plej ideala mastrino, ŝparema, prudenta, preciza, ĉiam servema. Kaj tio vi estas. Kaj tamen... »

Larmoj denove ekfluas.

Strange estas, ke oni tiel malfeliĉa devas esti post nur tri jaroj ! Kia la vivo estiĝos ? Ŝi subite ekatentas.

« Einar ! Jam ! kaj mi, kiu eĉ ne pensis pri la teo ! Ankoraŭ ja ne estas tempo ĝin servi ? »

Einar envenas, vigla kaj ĝoja, kun malbutonumita jako kaj la ĉapo en la mano.

« Ĉu vi tie ĉi sidas ! Eble eleganta tualeto por la teotrinkado ? Sed eta infano, ĉu vi ploras ? Vi eble estas malsana ? » Li ĉirkaŭbrakas ŝiajn ŝultrojn.

« Malsana — ne. Ĉu vi ne kredas, ke oni tamen povas plori ? »

Jes, sed kio nun estas ?

« Nenio. Sed kial vi tiel frue hejmen venas ? »

« Jes, mi nur volas al vi diri, ke vi ne bezonos prepari teon por mi hodiaŭ vespere... »

« Pro tio, ĉar vi foriros por resti for duonon da nokto. Jes, vi foriru... »

Vera denove komencis plori.

Portante malbonhumoran mienon Einar iradas antaŭen kaj reen sur la planko.

« Se mi unu vesperon forirus... »

« Unu vesperon ? »

« Nu, iun vesperon do, se tio estus tiel ekzakte preciza, tiam estas kvazaŭ mi farus al vi ian maljustaĵon. Vi ja scias, ke vi ne povas akompani min kiam nur estas sinjoroj, kaj neniu el ili havos sian edzinon kun si ».

« Sed kial vi ne povas resti hejme ? Ĉu tiuj konatuloj tiom pli multe al vi gravas ol mi ? »

« Stultaĵoj ! Vi ja scias... »

« Jes, mi scias ke mi ĉiam nuntempe devas sola resti hejme, dume vi... »

« Sed kara infano, kial vi restas hejme ? Ĉu vi ne havas amikinon, kun kiu vi povus eliri ? »

« Amikinoj ne plaĉas al mi, kaj se mi ankaŭ elirus... jes, vi certe ne zorgus, ĉu mi povus amuziĝi aŭ ne, kaj kun sinjoroj vi ne volus, ke mi eliru ? »

Einar ekridas.

« Vi ? Eliri kun sinjoroj ? Pri tio vi certe ne ĝojos, mia fidela edzineto. Ne provu ! Mi scias kie vi estas — same kiel vi scias kie mi estas. Nu revigligu vin nun ! Morgaŭ vespere ni vizitos teatron por poste ie vespermanĝi. Estu nun bona knabino kaj ne ŝajnu tiel malkontenta. Edzo ne povas eterne kuŝi antaŭ la piedoj de sia edzino, aŭ ĉiam pendi ĉe ŝiaj jupoj, eĉ, se li amus ŝin kiom ajn multe.

Li klinas sin super ŝin, donas flirtan kison sur ŝian vangon, adiaŭas ŝin kapsalute en la spegulo kaj foriras. Vera aŭdas lin fajfantan en la antaŭĉambro, kaj la larmoj denove vidiĝas. Ŝi klinas la kapon en la manojn.

« Li estas tute indiferenta por mi ! Li konsilis min kvazaŭ infanon, per promeso pri vespermanĝo kaj teatro morgaŭ, kaj kiam proksimiĝas la morgaŭa vespero, li havos multege da malhelpaĵoj. Mi rekonas lin nun. »

Ŝi ekĝemetas, sed tuj ŝi levas la kapon fikse rigardas obstine kaj batalinvitante al ŝia bildo en la spegulo

« Vi estas idiotino ! Vere granda idiotino ! Tion li jus montris al vi, « ne provu », li diris, « mia fidela edzineto » ! Sed li vidu ! Li estas certa pri mi, tro certa, jen estas la eraro, kvankam mi ne antaŭe ĝin ektrovis. Sed li vidu ! »

Venontan vesperon. Einar envenas en la dormoĉambron mire ĉirkaŭrigardante.

« Kie ŝi estas ? Mi esperis, ke ŝi estos preta min atendante. Jes ja ! Ŝi certe sin vestis por iri al la teatro. Certe ŝi baldaŭ revenos, ŝi eble nur eliris por ion prizorgi. Li eksidas antaŭ la spegulo, ordigas sian kravaton, kombas la harojn kaj atendas. La tempo forpasas, sed Vera ne revenas. Estas tempo por iri en la teatron. Ĵus kiam Einar tre malpacienciĝis, la telefono eksonoras. Li iras por respondi.

Hallo ! Ho, estas vi. Kie vi estas ? Ĉi tie ni sidis atendante... kion... ? Ĉu estas vi, kiu ĉiam devas atendi... kion ? Okupata ? Ĉu vi ? Ĉu vi ne akompanos ? Sed mi ja aĉetis biletojn, luis tablon kaj ĉion ordigis... Jes, nu, laŭ via volo. Tute egale ! Mi ja nenion diras pri tio, estas nur tio, ke pri ĉi tiu vespero ni interkonsentis... Jes, adiaŭ ĝis plue. Amuziĝu multege. »

Li pendigas la aŭskultilon iom konsternita.

« Kio okazis al Vera ? Sed tute egale. Mi amuziĝos legante libron. Domaĝe estas ke mi aĉetis biletojn, sed oni devas iom oferi al kaprico de la virino ».

Li ridetas kaj komencas demeti la kolumon.

« Nun mi ordiĝos min oportune por unu fojo. Vera estas bona, sed jam iomete postulema ».

Unu monaton poste.

Vera staras antaŭ la spegulo ridetanta kaj bela, vestita en simpla sed tre belaspekta festvesto. Ŝi kape salutas sian bildon en la spegulo.

« Bonega ! Nun vi aspektas tre bela ! Vi tre bone sukcesis, Vera, kaj mi kredas, ke la provo jam efikis. Kial vi estis tiel idiota kaj ploradis vesperon post vespero, ĉar via edzo ne volis restis hejme. Estas tute juste al vi, ke li ne tion faris ».

Nun ŝi ne ekatentas kiam Einar hejmenvenas iom pli frue. Ŝi sin klinas pli proksimen al la spegulo dediĉante sian tutan atenton al ŝminkado de siaj brovoj.

Einar eniras ne depreninte sian jakon. Li ne estis doninta al si tempon por ĝin depreni en la autaŭĉambro. Li ekhaltas sur la sojlo rigardante al sia edzino.

« Ĉu vi denove intencas eliri ? Ni ja priparolis hieraŭ... »

« Kara vi, mi ja estis tute forgesinta, ke mi promesis viziton ĉe familio Sander. La kuzo de sinjorino Sander alvenos tien, kaj kiel li estas vere interesa... jes, vi ja min pardonas, kara vi ? Kutime vi tre bone amuziĝis, sen mi. La kuzo ĵus alvenis hejmen el Hindujo, kaj mi vere ne volas perdi tian okazon gravan renkonti... »

Einar ekiris paŝege tra la ĉambro al sia jako, ĉirkaŭprenas ŝiajn ŝultrojn.

« Vera, ĉu vi ne povas resti hejme, aŭ eliri kun mi almenaŭ unu fojon ? »

« Jes, kara vi. Sed vi devas antaŭsciigi min iun tagon pli frue, ke mi ne promesu viziton ĉe iu alia ».

Ŝi levas la ŝultrojn iomete por sin liberigi de lia teno. Atentu la punton, vi estu bona, ŝi diris, vi ĉifas ĝin, kaj tiu ĉi vesto estas la plej bona kiun mi havas.

« Kiun vi surveŝtis pro tiu viro... ! »

« Jes, vi ja komprenas... »

« Ne, mi ne komprenas kaj ankaŭ ne volas ».

Anstataŭ atenti la punton li ĉirkaŭbrakas ŝin spite iom da protestoj de ŝi.

« Kion mi volas kompreni estas : kial vi tiel ŝanĝiĝis kontraŭ mi ».

Vera levas la brovojn.

« Ĉu ŝajnis al vi pli bone antaŭe, kiam mi plorante sidis hejme ? »

Einar preskaŭ minace rigardas al ŝi en la spegulo.

« Jes, vere tiel ŝajnas al mi ! Vera diru al mi — ĉu estas iu alia... ? »

Ŝi skuas la kapon.

« Ne ,tute ne, vi ja scias kie mi estas ».

« Ne, mi ne estas tute certa. Vera, diru sincereal mi... »

« Tion mi faris. Mi ne estas iu malfidela edzino. Sed rigardu nun al mia bela punto ! »

« Mi ne zorgas pri viaj puntoj ! Ili ne estas neanstataŭeblaj sed estas via amo kaj vi mem por mi. Vera plej kara, rigardu al mi ! Ĉu estas vere ke vi estas forlasanta min ? La pasinta monato estis kvazaŭ inkubo por mi ».

Vera turnas sin kontraŭ lin, kaj kun dolĉa movo ŝi kaŝe ĉirkaŭprenas lian kolon kaj rigardas ridetante al li.

« Vi stulta bubo ! Estis vi, kiu volis min forlasi,, kaj mi estis tro komplezema kaj fidinda. Tial mi ŝanĝiĝis, jen estas la kialo. Ĉu vi nun estas kontenta ? »

Einar premas ŝin al si.

« Ne tute. Sed tiu viro el Hindujo... »

Vere ekridas.

« Mi jam unu fojon lin renkontis. Li estas netolerebla, tromemfida, juna stultulo, kiu kredas ke li faris ion grandiozan, ĉar li pasigis tempon da du monatoj en Hindujo. Vi, Einar, ĉu mi informas vi pri io ? Jes, mi preparis tre bongustan vespermanĝon malvarman en la kuirejo, kaj tiun ĉi veston mi surveŝtis por vespermanĝi hejme kun mia edzo. Ĉu vi nun estas kontenta ? »

« Jes, nun mi estas kontenta, mia knabino ! kaj de nun vi ne havos kialon plendi pri mi, mi konfesas, ke vi tian havis... »

« Estis mia propra kulpo, kara vi ».

« Ho ne, estis la mia — sed nun mi denove enamiĝis — treege enamiĝis. Vera, kaj nun... »

« Intencas mi konservi la enamiĝon, mia sinjoro kaj edzo. »

Vera ridetas al sia bildo en la spegulo kvazaŭ al konspirinto.

El la sveda ĵurnalo semajna « Vårt Hem » (« Nia Hejmo »

*Trad. E. Lundin.*

---

# La leĝo de l'milito

*(El paperoj de artileristo)*

Tridek rusaj baterioj martelis la germanajn poziciojn. Responde, la germanaj kanonoj pistis la rusajn tranĉeojn. Nigraj kolonoj da fumo kaj terpecoj ŝprucadis senĉese kiel erupcioj de vulkanoj. Fajfo, muĝo kaj bruo plenigis la aeron.

Estis suna, sennuba somera tago, kaj la ĉielo havis delikatan bluon, kiu transiris nerimarkeble en turkisan nuancon ĉe la horizonto. Ĉirkaŭe estis io, kio inklinadis al revado kaj dolĉa melankolio — eco de vera blankrusa pejzaĝo.

Okcidente fluis la rivero Szczara (Ŝĉara), kies lito estis signita per salikoj kaj altaj poploj, pafsenigitaj je folioj, kaj strečantaj ĉielen siajn nudajn, rompitajn branĉojn. Strange aspektis tiuj kripligitaj arboj, kiam la tuta tero banis en suno, — viva riproĉo de l'naturo kontraŭ la homa stulteco. Nur la kampoj, jam delonge ne kulturataj, abundis je diversaj herbaĉoj. Ĉiuloke floris cejanoj, papavoj, kampanoloj, kamomiloj, salvioj, konvolvuloj. Tra la kampoj iris al sia observpunkto Pjotr Volkov, juna rusa leŭtenanto de artilerio. Ĉe lia zono pendis revolvero kaj malgranda leda saketo kun planoj, ĉe la kolo li havis dulornon. Senhara, ronda vizaĝo estis serena, grizaj, miopaj okuloj, ornamitaj per nazumo, estis pensemaj kaj bonaj ; malgrandaj, molaj, belformaj lipoj aspektis kiel ĉastaj rozpetaloj. Ĉio vidigis en li junecon, revemon, impreseblecon kaj ĉaston. Volkov ne rapidis, kliniĝante de tempo al tempo por preni florojn. La batalon, kiu furiozis antaŭ li, li kvazaŭ ne vidis, estante tute absorbita en kolektado de floroj. Super lia kapo zumis flugantaj obusoj, sed ili, ŝajne, ne altiris lian distritan atenton. Tute proksime krevis grenadoj, fosante funelformajn truojn, sed juna leŭtenanto, kutimigita al tiaj ĉiutagaĵoj, estis ĉiam indiferenta, kvazaŭ enuanta.

Kiam li havis jam tutan garbon da floroj, li eniĝis en t.n, komunikirejon », kiu kondukis lin al la observpunkto de 3-a baterio. Premante sian bukedon, Volkov eniris subterejon. La soldatoj ekvidinte sian amatan oficiron, rektiĝis kaj almetis la manojn al kasketoj. Volkov amike salutis ilin kaj ridetante demandis la ĉefobserviston Kuzmin : « Kion interesan vi havas ? »

— " Mi havas ion ", respondis ruze la observisto : " mi sukcesis malkaŝi la malamikan observpunkton ".

— " Efektive ? " kaj Volkov malrapide proksimiĝis al periskopo.

— " Sinjoro leŭtenanto ", aldonis la observisto : " la kruceto de l'periskopo estas fiksita ĝuste sur tiu punkto, — bonvolu rigardi ! "

Antaŭ ol kontroli la komunikon de l'observisto, Volkov ankoraŭ unufoje enprofundigis sian nazon en la florfaskon kaj flaris avide la subtilan vanilaromon de konvolvuloj. Poste li atenteme kuŝigis sian bukedon apud la periskopo kaj komencis esplori. Komence li povis rimarki nenion, kio povus pruvi, ke tie estis la germana observpunkto. Oni scias, ke la observpunktoj estas tiel kaŝitaj kaj maskitaj, ke estas tre malfacile ilin eltrovi. La artileristoj strečas ĉiujn siajn fortojn por bone kaŝi siajn observpunktojn — la okulojn de l'artilerio.

Sed jen, io ekbrilis kaj estingiĝis ĝuste tie, kie estis fiksita la kruceto sur la vitro de l'periskopo. Ĉie ĉirkaŭe kuŝis malplenaj ladaj konservskatoloj forĵetitaj el tranĉeoj, en kiuj refraktiĝadis la sunradioj kvazaŭ en brilantaj spegulpecoj. Nur tiuj skatoloj-speguloj brilis ĉiam senmove, sed meze de ili unu speguleto estingiĝis — evidente, ke ĝi moviĝis, — do, ĝi vivis, ĉar la movo estas vivo. Kaj la vivo devas estis mortigita — tia estas la leĝo de l'milito.

La leŭtenanto ekridetis kaj obstine atendis. " Eppur, si muove ! " Atavisma ĉasista instinkto vekiĝis en lia animo. Prabesto pretiĝis salti al sia akiro.

Ree ekbrilis kaj estingiĝis la fajrero. Volkov nun sciis sendube, ke Kuzmin ne eraris. Tiu flagranta fajrero estis la eligita ekstera vitreto de la germana periskopo, reflektanta la sunradiojn, kiam ili faladis sur ĝin konvenangule. Volkov deturnis sin de l'periskopo kaj, flarinte ankoraŭ unufoje la aromajn florojn, ekkomandis :

— " Dejorgrupo al batalo ! "

La ĉeestanta telefonisto rapideme eksonorigis sian aparaton kaj demandkriis : " Baterio ? "

Jes, malakra voĉo respondis : " Baterio aŭdas ! "

" Dejorgrupo al batalo ! "

Intertempe Volkov eksidis sur malalta benketo en angulo de l'subterejo, eltiris el sia leda saketo la grandan planon, celuloidan angulmezurilon, krajonon, notlibron kaj komencis ion kalkuli. Li ĉiam flaris siajn florojn kaj skribis, skribis La rapidiĝinta telefonisto tenis senĉese la aŭdilon ĉe l'orelo. Kuzmin staris senmove, apogita je muro kaj karese rigardis skribi la fingrojn de la leŭtenanto. Forpasis kelkaj sekundoj, fine la telefontintilo eksonoris kaj tiu sama malakra, malproksima, kvazaŭ el tomba voĉo anoncis : " La dejorgrupo estas preta ! "

— " Sinjoro leŭtenanto ! la dejorgrupo estas preta ", aŭtomate ripetis la telefonisto.

— " Panoramo (1) : 215 " ! diris kviete Volkov, leviĝante de l'benketo.

— " Panoramo : 215 " ! ekkriegis la telefonisto.

— " Alcelilo (2) : 75 " ! sekvis la nova ordono.

— " Alcelilo : 75 " ! eĥis la telefonisto.

— " Per eksplodgrenadoj " !

— " Per eksplodgrenadoj " !

— " Fajro " !

— " Fajro " !

— " Fajro foriris " ! aŭdiĝis baldaŭ el telefono.

— " Fajro foriris " ! reripetis la telefonisto.

La frazo : " Fajro foriris " ! signifas en artileria lingvo, ke la kanonoj jam estas pafintaj.

Volkov jam venis ĉe la periskopo. En tiu sama momento du pafoj aŭdiĝis ie malantaŭe kaj du paraboloj strekiĝis nevideble en aero, signante siajn vojojn per malbonaŭgura murmuro. Antaŭ la ronda fenestro de la periskopo vidiĝis senfinaj germanaj tranĉeoj kaj retoj el pikfadeno. Ĉe horizonto, sur verdeblua fono de l'ĉielo staris malproksima betula arbaro. Sed la vidsento de la leŭtenanto estis absorbita per io alia, nome — per malgranda monteto, kie, meze de ladskatoloj, lumetis kaj estingiĝis la vitro de la germana periskopo.

Subite du nigraj fontanoj ekŝprucis ĉ. 30m. antaŭ la germana observejoj dume ĉiam ankoraŭ aŭdiĝis la fajfo de malsupreniĝantaj pafaĵoj, - oni iluzias aŭdi la flugantajn obusojn kiam ili jam efektivigis siajn detruajn agojn. Baldaŭ la sono de du eksplodoj atingis la orelojn. Kiam la fumo kaj polvo foriĝis, Volkov rimarkis, ke la vitreto ĉiam turniĝis. Li ree ekkomandis : " Alcelilo : 77 " !

— " Alcelilo : 77 " ! ripetis kriegante la telefonisto.

— " Fajro " !

— " Fajro " !

La transtomba voĉo komunikis : " Fajro foriris " !

Denove du nevideblaj, nur aŭdeblaj palpiloj strekiĝis ie super la kapoj kaj ree elŝprucis du nigraj fontanoj — ĉi-foje jam trans la monteto. La germana observpunkto estis nun " enfortigita ". La vitro ne ĉesis turniĝi.

— " Alcelilo : 76 " !

— " Alcelilo : 76 " !

— " Fajro " !

— " Fajro " !

Denove sekvis du pafoj. Denove eksplodis du pafaĵoj, nun ĝuste tie, kie turniĝis la germana periskopo. Post 2 - 3 sekundoj, kiam la fumo fornaĝis flanken, oni vidis unu grandan truon tiuloke, kie antaŭe flagris la speguleto. La pafoj estis eksterordinare trafaj sekvo de precizaj elkalkuloj de la leŭtenanto, kiun ne vane oni nomis bona matematikisto.

Ankoraŭ sekvis kelkaj pafsalvoj, sed tio jam ne havis signifon. Oni devis nur plejtimigi la malamikojn kaj montri al ili, ke antaŭaj pafoj ne estis tute akcidentaj, ke oni senmaskis ilian observpunkton.

— " Fino ! Enskribi la donitajojn kiel la celo N° 43 kaj purigi la kanonojn " ! ordonis laste la leŭtenanto, lasante la periskopon. Li sidiĝis en angulo sur la sama benko kaj komencis denove flari la florojn, revenante al sia kutima revado, kvazaŭ nenio grava okazis antaŭ nelonge. Kiel unika postsigno de l'antaŭaĵo restis ioma ekscito kaj ia subkonscia kontento — la sento de l'ĉasisto post la sukcesplena ĉaso.

Kuzmin, profitante foriron de leŭtenanto, proksimiĝis siavice al la periskopo por ekzameni la pafefikon. Li ekridis kontente kaj diris : " Brave ! La Germanoj ricevis belegan duŝon, kaj tiu, kiu troviĝis ĉe ilia periskopo, certe restis dispecetigita ".

Volkov, aŭdinte tiun ĉi opinion, ektremis kaj lia sento de memkontenteco tuj malaperis. Kvazaŭ ekposedinte la telepatian kapablecon, li estis vidinta sur la ekrano de l'propra trosentema animo la internon de la germana observpunkto momente de l'eksplodo...

La juna germana leŭtenanto, senliphara, miopa, kun malgrandaj, molaj, belformaj lipoj, aspektante kiel lia duoblulo, rigardas la rusajn poziciojn... Aŭdiĝas malbonaŭgura siblo kaj io enfalas subterejon — krakegego... fajro... terurajo... La juna, revema leŭtenanto, kies virga buŝo neniam ankoraŭ kisis la virinojn, malaperis, — anstataŭe restis nur iaj senformaj, sangaj pecoj de homa viando kaj nenio plu... Neniam jam li kisos la virinojn, neniam, neniam...

Vanilodoraj konvolvuloj, ĵetitaj teren, aromis konstante...

*R. Swietoszewski.*

Rimarkoj : 1) Panoramo, france " appareil de pointage " — optika instrumento por mezuri la horizontalajn angulojn kaj konvenstarigi la kanonon en horizontala ebeno.

2) Alcelilo, instrumento por starigi la kanonon en vertikala ebeno.

---

# NOVAJ LIBROJ

— Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno. Volumo Tria 1929 Eld. de la Aerologia Observatorio. Red. W. Oishi, estro de la Obs. 154 p kun 2 fotoj 30 × 22 cm.

En la 1-a volumo 1926 estis prezentitaj precizaj mezuroj, ĉiutagaj de vento (direkto kaj rapido) je diversaj altecoj dum 1923-24. En la 2-a volumo 1928 troviĝas mezuroj de temperaturo, aerpremo, vaporo, vento, sunlumo, ktp. dum 1921-25. En ĵus aperinta 3-a volumo ni vidas ĉiutagajn mezurojn dum 1923-27 de temperaturo, aerpremo, humideco, vaporpremo je diversaj altecoj de 26 ĝis 2055 metroj. Tiuj observoj efektiviĝis per kajtoj kaj alligita balono. Destinita por scienculoj tiu observado en Tateno (Japan.) estas tre grava por meteorologio kaj por aerfluga trafiko. Ni gratulas S-ron Oishi pro lia granda laboro kaj zorga redaktado de la volumoj (kune 540 paĝoj en granda formato), kiuj impresas per sia serioza faka aspekto kaj ĝia oficialeco.

 **TRA LA MONDO ESPERANTISTA** 

## Propaĝanda vojo

de D-ro Ant. Vogt.

Venis la momento, ke ni esperantistoj organizu nian propagandlaboron ne nur laŭ la ĝisnuna tre impresa maniero, sed ke ni iru novajn vojojn tre prudente preparitajn. Certe estas rekonita celo, enpenetrigi Esperanton en la lernejojn. Kial oni ĝis nun atingis nur parto-sukcesojn kaj ilin ankaŭ atingis nur en certaj landoj aŭ regionoj?

Respondo: Ĉar ni en nia propaganda laboro ni ankoraŭ ne havis la metodon por atingi la celon, kiun ni devus havi por sukcesi.

Antaŭ ol ni povas enkonduki Esperanton en la lernejojn, ni devas akiri tiujn, kiuj regadas la lernejojn kaj ĝiajn instituciojn: la instruistaro. Akiri la instruistaron estas multe pli grava ol konkeri la instruan ministerion de la div. registaroj. Kiom ajn esperantema estu iu instrua ministro, li neniam sukcesos enkonduki Esperanton en siajn lernejojn, se la instruistaro estas en opozicio kontraŭ tio. Ni do devas komenci ĉe la instruistaro. Dum la proksimaj jaroj daŭre laŭcela laboro devas esti farata en tiu ĉi kampo. Pere de esperantema instruistaro instrua ministro povas esti devigata enkonduki Esperanton. Kiel devas aspekti tiu laboro?

1. *En la div. landoj.*

La naciaj organizacioj de la Esperanto-Movado devas kontakti kun la organizacioj de la instruistaro tiel de la elementaj lernejoj, kiel de la mezaj kaj superaj. Ĉiuj civilizitaj landoj posedas organizaciojn de instruistoj. Se jam ekzistas instruistoj, kiuj estas anoj de nia afero, tiam ni devas zorgi, ke ili agu por nia lingvo en la grandaj jarkunvenoj de la instruistaj organizacioj. En la fakrevuoj ĉiam denove devas aperi artikoloj pri nia lingvo. Se oni ilin ne akceptas libervole, ni devas serĉi vojojn por tion atingi. La instruistoj esperantistaj kaj esperantemaj nepre devas ĉeesti la instruistan kongreson kaj tie sub komuna gvidado defendi Esperanton. En speciale grava afero oni devas zorgi pri tio, ke gvidantaj esperantistoj, precipe esperantistoj-instruistoj certe ĉeestu. Eventuale oni devas al ili repagi la specialajn elspezojn, kiujn ili ne povos porti.

2. *Ĉe la internaciaj organizacioj.*

Ekzistas granda nombro da organizacioj, kiuj kunigas en si la instruistojn de la elementa, meza kaj supera instruado. Ni devas atingi tiujn organizaciojn por povi labori kaj varbi por nia afero. Ni devas zorgi, ke en ĉiu kongreso oni parolu detale pri kaj en Esperanto. Ni devas prepari nian laboron tiel bone, ke iom post iom estos ebligite fari la diskutojn grandparte en Esperanto.

Jen ekzemplo: En 1926 kunvenis en Zürich por la unua fojo post la milito la Internacia Asocio por Komerca Klerigado. La aŭtoro de tiu ĉi artikolo estas membro de tiu asocio kaj partoprenis en ĝi. En la ĉefraporto de la Kolonelo Richard — Zürich oni tuŝis la demandon de la helplingvo kaj la parolinto asertis, ke nur la angla lingvo estos taŭga kiel helplingvo. Tiu ĉi rimarko donis okazon al la aŭtoro de tiu ĉi artikolo partopreni en la diskuto kaj pledi por Esperanto. En kunveno de preskaŭ 300 instruistoj kaj profesoroj de komercaj kaj superaj komercaj lernejoj mi kaj sinjoro el Hungarlando estis la solaj esperantanoj, ja eĉ la solaj, kiuj sciis Esperanton. Kvankam la defendo de Esperanto unuamomente renkontis al glacia malakceptemo de la kunsido, la argumentoj cititaj tiel kontraŭ la angla lingvo, kiel cetere kontraŭ ĉiu nacia lingvo, estis tiel frapantaj, ke la kunsido faris decidon meti la demandon de la helplingvo kiel oficialan temon sur la tagordon de la proksima kongreso. Tiu ĉi kongreso okazos en septembro 1929 en Amsterdam. Ni neniam havis okazon, kiu estas tiel favora, kiel tiu, kiu estos en Amsterdam. Ni staros antaŭ rondo de pluraj centoj da gvidantaj instruistoj el la por ni tre gravaj komercaj lernejoj kaj akademioj. Ni devas fari ĉion, por venigi esperantistajn kaj esperantemajn instruistojn al tiu ĉi kongreso. Devas esti afero de honoro por ĉiu lando, delegi siakoste almenaŭ 2 personojn, por ke okaze de eventuala decido ni trovu la necesan resonon. Kompreneble niaj delegitoj devas esti membroj de la asocio. Krom tio ni devas havi unuagradan reprezentanton kiel parolonton en Amsterdam. Pri tio zorgos Internacia Centro Komitato.

Se ni sukcesos enpenetri en la fortikaĵon de la komerca instruistaro, ni faros bonan prepar-laboron por konkeri la ceteran instruistaron de la mondo por nia ideo.

Jen vojo irebla sur bazo de niaj financ-rimedoj. Ekzistas ankaŭ multaj aliaj de sama speco. Ni iros unu post la alia laŭ trafa elekto. Se ni tion faros ni certe sukcesos.

## Akademio kaj Lingva komitato

**Rezultatoj de la diversaj balotoj (Majo 1929)**

I. Elektoj en la *Lingvan Komitaton:*

Estas elektitaj: — Sroj. *Bailey (T. G.)*: 98 voĉoj; *Göhl*: 96; *Hohlov*: 95; Mazzolini, Privat, G-lo. Sebert: 94; *Nekrasov*: 93; *Spiridović*: 92; Simon: 90; *Esselin*, Stojan: 89; Kühnl, Shafer (Fino.): 88; Villanueva: 87; *Rublev*: 85; *Demidjuk*: 84.

La *ok* nomoj substrekitaj estas tiuj de la novaj membroj.

II. Elektoj en la *Akademion:*

Estas elektitaj: — Sroj. Baghy: 74 voĉoj; Setälä: 61; Stamatiadis: 57.

III. Pri la *Kvara Aldono:*

Aprobis ĝin: 83. — Malaprobis: 24. — Ne voĉdonis: 6.

Kelkaj L. K. anoj sendis rimarkojn, kiujn ekzamenos tre atente kaj zorge konsideros Prof. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro ».

La *Aldono* aperos en Junio-Julio 1929.

IV. Pri la *prefikso:* « *mis* ».

Ĝia signifo estas *severe limigata* al la senco: *erar—*, *malĝust—*, *malbon—*.

Aprobis la oficialigon: 72. — Malaprobis ĝin: 39. — Ne montris sian opinion: 2.

Sekve, la prefikso: *mis—* fariĝas de nun *oficiala* laŭ la supremontrita senco.

V. La *modifoj* en § 11 de l'*Regularo:*

Forigo de la linioj 3 kaj 4 kaj anstataŭigo (lin. 5) de « *Estraro* » per « *Akademio* » estas aprobitaj per 98 kaj 109 kontraŭ 14 kaj 3. Ne voĉdonis: 1.

Atestantoj: *R. de Lajarte* — *M. Arger.*

La Prezidanto: *Th. Cart.*

**Esperanto ĉe la P.T.T. - Lernejo de Bucuresti.**

La « Rumana Esperantista Societo-R.E.S. » ricevis jenan oficialan leteron :

MINISTREJO DE l'TRAFIKO
Ĝenerala Direktejo de
POŜTOJ, TELEGRAFOJ kaj TELEFONOJ
Direktejo de la Instruado P.T.T.
BUCURESTI
No. 132 5.III.1929.

Rezulte de via letero de la 28. de decembro 1928, mi havas la honoron komuniki al vi, ke S-ro ĝenerala Direktoro aprobis principe la enkondukon de kurso de la lingvo Esperanto en la lernejo P.T.T. kaj la aplikon de la nomita lingvo laŭ la necesoj de la servo.

Sekve de tio, bonvolu rajtigi unu delegiton, kiu prezentiĝu ĉe tiu-ĉi Direktejo (ĉambro No. 69 de la Poŝta Palaco) por interkompreniĝi kaj fiksi la metodon de instruado kaj enkonduko de tiu-ĉi kurso en nia lernejo.

Direktoro de la Instruado P.T.T. Pascal Popescu.

La kurso komenciĝis en la unuaj tagoj de Aprilo.

La direktoroj estas favoraj al ni kaj disponigos por la Esp.-kurso la necesajn horojn, malgraŭ tio ke la programo de la lernejo estas ŝarĝita kaj la kurso de Esperanto komencas meze de la lerneja jaro. Tiu-ĉi unua kurso estas eksperimenta kaj komence de la venonta jaro lerneja Esperanto estos laŭregula fako en la programo de la lernejo.

Instruos ĉe tiu-ĉi lernejo s-o V. TIMIS, studento en filozofio, sekretario de RES, laŭ la metodo de Pastro Andreo Ĉe. R.E.S.

## Rotario kaj Esperanto

La ĉiujara Kongreso de la Rotaria Internacia Asocio por Granda Britujo kaj Irlando okazis en Bournemouth en la komenco de Majo. Je la 2a de Majo S-ro V. Hawkes, nome de Poole Rotary Club proponis la sekvantan rezolucion :

Pro tio, ke la scio de universala helplingvo tre multe kuraĝigus interkomunikon kaj interkomprenon inter ĉiuj nacioj por la malhelpo de militoj kaj la faciligo kaj progresigo de komerco ; kaj pro tio, ke se kunsido de la membroŝtatoj de la Ligo de Nacioj estus adoptinta tian lingvon tuj post la milito, ĝia instruo en ĉiuj lernejoj estus jam nun doninta al ni novan generacion kiu posedas mondlingvon.

Nu do, ĉi tiu jara Kongreso de la Rotaria Internacia Asocio por Granda Britujo kaj Irlando favoras la adopton de Esperanto kiel tian helpan lingvon, kaj deziras, ke la decido de ĉi tiu Kongreso pri tiu temo estu komunikita al la Rotario Internacia.

La rezolucio ricevis subtenon de Rotariano Peart el Winchester, Prof. Grote (Germanujo) kaj aliaj, kaj estis unuanime akceptita.

**Venko de Esperanto ĉe Turisma Internacia Konkurso de Aeroplanoj**

En la Regularo de grava internacia konkurso por aeroplanoj tra Eŭropon (okazonta de la 3-an ĝis la 20an de venonta aŭgusto) starigita de la franca asocio « Aero Club de France » kaj akceptita de la Federacioj de aera turismo de la ĉefaj statoj. La No 43 de la artikolo 5-a diras jene : « Libro de Vojo — La aviadisto konservos kaj skribos ĉiutagan ĵurnalon en libro de vojo dum la tuta konkurso. La enhavo de la libro estos presita france, angle, germane, itale, Esperante. La aviadisto estos devigita montri la libron de vojo por la devigaj postrimarkoj je ĉiu deviga stacio. Li mem devos skribi en ĉi tiu libro ĉiujn ne normalajn okazintaĵojn survoje, precipe la flugadojn teren, okazintaj krom tiuj de la devigaj stacioj ».

La aera vojo de la konkurso iros tra Francujon, Belgujon, Nederlandon, Germanujon, Ĉeĥoslovakujon, Aŭstrujon, Hungarujon, Rumanujon, Jugoslavujon, Italujon.

La ĉi supre menciita enkonduko de Esperanto en la plej grava internacia turisma konkurso de aeroplanoj de la nuna jaro estas grava venko de la internacia lingvo en la kampo de internaciaj rilatoj per la plej moderna vojo : tiu de l' aero. G. Facchi — Del. de UEA en Brescia.

## STATISTIKO

**pri la ŝtataj ekzamenoj en Aŭstrio 1925-1928**

90 personoj (67 viraj, 23 inaj) faris la ekzamenon por instrukapableco kaj 34 (21 v., 13 i.) pri scipovo de Esperanto.

La ekzamenitoj estis : 85 el Wien, 17 el Niederősterreich, 10 el Stirio, 6 el Oberősterreich, 3 el Kărnthen, 2 el Salzburg, 1 el Tirol. Krome 1 el Jugoslavujo.

Laŭ profesio estis : 1 landa lernejinspektoro, 1 distriktlernejinspektoro, 9 profesoroj de mezlernejoj, 5 juristoj, 2 pastroj, 1 oficiro, 8 oficistoj, 1 direktoro de komerca lernejo, 1 instruisto de komerca lernejo, 5 direktoroj de burĝlernejoj, 7 geinstruistoj de burĝlernejoj, 2 ĉefinstruistoj, 20 geinstruistoj de popollernejoj, 17 instruistinoj de lingvoj, 2 studentoj de universitato.

La ŝtata ekzamenkomisiono por Esperanto en Aŭstrio.

La Ministerio por Instruaferoj novelektis kun reskripto de 24. de oktobro 1928, numero 26.937-11 /8, la ŝtatan ekzamenkomisionon por Esperanto por la trijara funkciperiodo 1928 /29-1930 /31 (sidejo : Wien, I. Burgring 9, pordo 53) : Direktoro -Kortega konsilanto D-ro Franz Wollmann, landa lernejinspektoro en Stadtschulrat-Wien ; membroj : D-rino Brunhilde Flasch instruistino en privatrealgimnazio de Ursulinoj, Wien, I. ; D-ro Hugo Jokl, instruisto en la ĉeĥa privatrealgimnazio Wien, III. ; P. Franz Mestan, pastro en la ordeno de piaristoj, Krems ; kortega konsilanto Leop. Scheuch, landa lernejinspektoro en Malsupra Aŭstria landlernejkonsilantaro ; Otto Simon, prof. en Nova Komerca Akademio, Wien, VIII.

Al laj pro alta aĝo memvole el la komisiono eksiĝintaj membroj faklernej-direktoro en pensio Adolf Macho kaj burĝlernejdirektoro en pensio Josef Schamanek la Ministerio esprimas dankon kaj laŭdon pro iliaj meritplenaj laboroj en la komisiono

*XVI-a Bulgara Kongreso de Esperanto en Vidin*

Vidin, la iama ĉefurbo de bulgara reĝo Ŝiŝman situanta ĉe la landlimo inter Rumanujo kaj proksime de Jugoslavujo, dekstraborde de la rivero Danubo, ludis gravan rolon dum la oftaj militinvadoj de la turkoj. Ĝia fortikaĵo « Baba Vida » el pratempoj same estas imponega kaj alloginda pro sia majesta aspekto kaj atestanto de historiaj okazintaĵoj de la bulgara popolo. La historia Vidin alvokas la samideanojn al partopreno.

Dum 28-30 Julio, Vidin manifestos la potencon kaj la disciplinon de la movado esperanta, dank al la modela kaj senlaca laborado.

Kore estas invitataj alilandaj gesamideanoj partopreni la kongreson. Ĉion rilate la kongreson adresu al Sro Vladimir Lazarov, I Mirovi Sădia izpălnitel, Vidin.

Vidin estas finloko de la fervojo kaj haveno de la Danubo kies avantaĝoj por la XXI en Budapest estos tre favoraj. Alveturo de la kongresanoj al Budapest per ekspresŝipo estas la 30 Julio 1929.



# Informa Bulteno N-ro 4

*Aliĝado.* — Alvenas multaj sinanoncoj sed sen pago de la kotizo. Por ke la LKK povu efike labori necesas rapida kaj senkomplika aliĝo kun pago.

*Karavano.* — S-ro Hugo Salokannel en Salminen, Finnlando, organizas karavanon por finnlandanoj kaj estonoj. Oni sin turnu al tiu-ĉi adreso pri pluaj informoj.

*Rabato.* — Konsentas 50 procentan rabaton al kongresano montranta la provizoran kongreskarton : « Hungara Riverkaj Marvetura Societo » kaj la « Danuba Vaporŝipvetura Societo ». Uzeblaj estas ĉiuj poŝt- kaj personŝipoj irantaj de Vieno al Budapeŝto aŭ de Mohacs al Budapeŝto kaj reen. Sur aparta rapidŝipo inter Vieno kaj Giurgiu (Rumanujo) la rabato estas kalkulata tiel, ke la plentarifa valveturo (do de Budapeŝto al Giurgiu) valoras por la kontraŭsenca veturo, do de Giurgiu al Budapeŝto. Sekve simpla bileto rajtigas je la reveturo. Tiuj rabatoj valoras de la 25a de Julio ĝis 16a de Aŭgusto 1929. Reveturo devas okazi ĝis la 8a de Aŭgusto.

*Ekskurso.* — Tuttaga ŝipekskurso sur la Danubo de Budapeŝto al la fama Viŝegrad, plej bela pejzaĝo de Hungara lando. Kosto : Ŝipveturo ire kaj reen : P. 3.50. — Tagmanĝo sur la ŝipo Pengoj 3.50. Anoncu vin baldaŭ por ke zorga arangô estu ebla.

*Itala Fervojo.* — Oni klopodas por rabato sur la itala fervojo. Interesuloj sin turni al Esperantista Grupo, Via Beato O. da Pordenone 1, Udine.

*Antaŭkongreso en Vieno.* — Fervoja rabato tra Aŭstrio konsentota al la aliĝantoj de la Antaŭkongreso en Vieno. Oni sin anoncu : Esperanto-Vorkongress, Annagasse 5, Wien I.

*Kongresa surprizo.* — Por pliriĉigi nian literaturon, ni eldonos novan libron de Julio Baghy « Migranta Plumo ». La libro enhavos la du ludotajn kongresteatraĵojn, novelojn kaj poemojn. La prezo de la libro estos tri pengoj por la ordinara kaj 5 pengoj por la luksa eldono. Amplekso 160 paĝojn. Favora prezo por antaŭmendoj : Sv. frk. 2.00 kun sendo. Mendojn oni sendu al la LKK.

*Radio-disaŭdigo.* — Promesis dissendi la kongresan programon kaj priskribon de urbo Budapesto, la parolantoj de Bern, Breslaŭ, Bruxelles, Enkhuizen, Köln, Paris, Stuttgart, kaj Zürich. LKK sincere dankas tiun valoran helpon. Tekston por parolado pri la kongresurbo la LKK volonte sendos al aliaj parolantoj.

*Paroladoj pri Budapest.* — LKK povas disponigi filmojn pri la kongresurbo, kun teksto en Esperanto. Pri faritaj paroladoj oni bonvolu nin informi por farota raporto al Loka Estraro.

*Kliŝoj.* — Ni petas rapidan sendon de pruntitaj kliŝoj kun la numero de la gazeto en kiu aperis la bildo. Sendu raportojn al Urba Fremdula Oficejo, Deák Ferencz u.2, Budapest IV.

*Fakkunvenoj.* — Anoncis sin jenaj fakaj kunvenoj. Pri detaloj oni sin turnu al la donita adreso :

Abstinentuloj : Alfio Svomalama, Konnitsa , Finnlando.

Aŭtomoblistoj : Karl Knoll, Körnerstrasse 11, Zittau, Sa. :

Baha-anoj : F-ino Martha Root, c/o American Consulate, Berlin.

Bankistoj : Paŭlo Ferenczy, Tisza István utca 2, Budapest V.

Blinduloj : D-ro Nikolao Bánó, Erzsébet kőrut 16, Budapest VII.

Fervojistoj : Emil Löbl, Délivasut, Igazgatóság, Mészáros ut. 19, Budapest I.

Filatelistoj : Béla Szász, Margit kőrut 52, Budapest V.

Kristanoj : Paul Hübner, Pölkenstrasse 4, Quedlinburg.

Kuracistoj : D-ro Károly Mezei, Király utca 54, Budapest

Kontraŭ Milito : F-ino Annie Firth Marsh, Huddersfield.

Oomoto : Koogecu Niŝimura, 124, rue de la Pompe, Paris.

Pacifistoj : Paul Christaller, Neue Weinsteige 61, Stuttgart.

P. T. T. : István Zöldy, Ernő utca 15, Budapest IX.

Rotario : Konsul K. v. Frenckell, Waisenhausstrasse 20, Dresden.

Scienculoj : M. Rollet de l'Isle, 35, rue Sommerard, Paris.

Stenografio : Tédor Kovach, Farkas Ign. u.5, Rákosszentmihály.

Studentoj : Istvan Puskás, Bókai Arpad u. 78, Pestszentlőrincz.

Vegetaranoj : Ges-roj Yelland, Hugai iskola, Gyöngyös.

Ni petas la organizantojn de tiuj kunvenoj, ke ili informu nin ĝis fino de Junio pri la nombro de la partoprenantoj.

*Konkurso pri Insigno.* — Bone sukcesis. Juĝantaro konsistis el reprezentantoj de la Artindustria ĉeflernejo de la Urba fremdulofice jo kaj anoj de la LKK.

Unua premio : S-ro Jacinto Comella, Vich, Hispan.

Dua premio : Prof. R. Ruzicka, Holešov, Ĉeĥoslov.

Tria premio : S-ino Karlo Scherer, Budapest.

La kongresa insigno estas valora memoraĵo al la kongreso, ĝin ricevos ankaŭ la helpkongresanoj.

*Hejmlabora ekspozicio.* — Dum la kongreso okazas ekspozicio pri arta hejmlaboro hungara. Ejo : Hungara Artindustria Societo. Kongresanoj estas invitataj konatiĝi kun la hungara arto popola. Detaloj pri tio sekvos.

*Malkara vivado.* — Malmultekostan matenmanĝon oni ricevas en la Centraj Laktejoj, situataj diversloke en la urbo. Prezo de matenmanĝo : 0.56 P. Konsisto : Taso da kafo, bulko butero, mielo aŭ marmelado. La saman kun ovo 0.80 P. Tagmanĝon oni servas en multaj restoracioj por 1.20 ĝis 1.50 pengoj. Vegetaraj restoracioj ekzistas. Adresoj en la kongreslibro aŭ en la gvidlibro.

Ni atentigas pri turista loĝejo kies prezo estas kun ĉiuj manĝoj P. 3.50. Nur limigita nombro da lokoj.

*Adreso por korespondaĵoj & telegramoj* :
Esperanto-kongreso, Budapest.

---

# Kongresa Kalendaro 1929

Aŭstralia : Perth. — Oktobro 8-14 ;
Belga : Gent-Gand. — Majo 18-20 ;
Brita : Canterbury. — Majo 18-20 ;
Bulgara : Sofia. — Majo 10-12 ;
Dana : Holbäck. — Majo 19-20 ;
Eduka : Helsingör Dan., 8-21 Aŭgusto. (Kun interpreto en Esp.).
Finnlanda : Helsinki. — Marto 31 ;
Franca : Nancy. — Majo 18-20 ;
Germana : Frankfurt-a-M. — Marto 29-31 ;
Hispana : Oviedo. — Sept-bro 14-18 ;
Itala : Udine. — Julio 28-30 ;
Junularo : Veile fjord, Dan. 20 Julio-5 Aŭgusto. (Somera kampado ; esp. partopreno).
Katolika : Praha. — Aŭg. 11-15 ;
Pedagogia : Genève. — 25 Julio-4 Aŭgusto. (Kun sekcio en Esperanto).
Pola : Poznân. — Julio 29-30 ;
Sennacia : Leipzig. — Aŭg. 4-10 ;
Sveda : Upsala. — Majo 18-20 ;
Svisa : Zürich. — Sept. aŭ Oktobro ;
Universala : Budapest. — Aŭg. 2-9 ;
(Antaŭkongreso : Wien. — Julio 30-2 Aŭg. ;
Postkongreso :) Praha. — Aŭg. 9-11 ;

# Universala Esperanto - Asocio



Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 8 Junio 1929

*Jarlibro* 1929. — Kun granda plezuro ni povas informi ke la nuna jarlibro estas forsendata al ĉiuj pagintoj por la nuna jaro je la fino de Junio. Personoj nericevintaj ĝin bonvolu komuniki tion al la Centra Oficejo. En landoj kun teritoria organizo oni informu la Ĉefdelegiton pri tio.

*Nova poŝtĉeka konto.* — Ni malfermis konton ĉe la poŝta ŝparkaso en Budapeŝto. Titolo kaj numero de la konto estas: Universala Esperanto-Asocio, Genève, Postatakarèkpénztárnak Budapest, N-ro 598.00.

**Novaj Delegitoj**

(En lokoj kie ne estis *D*)

*Aalborg* (Dan) D.: Knŭd Thorbjôrn Hansen, Osterbro 82/2; VD.: Palle Hansen, Osterbro, 82/2.
*Ann Arbor-Mich* (U. S. A.). D.: Dr. Francis S. Onderdonk, 1331 Geddes Ave.
*Borsky Svaty Mikulàŝ* (Ĉ. S. R.). D.: Alojz Macek, ĉ. 569.
*Bosaca* (Ĉ. S. R.). D.: Jurko Figura, instruito.
*Bunnik* (Nederl.). D.: Pieter Brand, Stationsweg, 9.
*Calcutta* (Hind.). D.: Lakshmiswar Sinha, instruisto, Santiniketan.
*Ĉadca* (Ĉ. S. R.). D.: Rudolf Brichta, komercisto.
*Cakovice u Prahy* (C. S. R.). D.: Joza Mareŝ, instruisto.
*Engelfangen* (Saar). D.: Ludwig Luckenbill, librotenisto.
*Ercsi* (Hungar.). D.: Imre Achàtz, Grôfi kastély.
*Falkenau-Kittlitz* (Ĉ. S. R.). D.: Rudolf Elstner, No 100.
*Framingham-Mass* (U. S. A.). D.: Sino Lillian E. Fuller, 98 South Street.
*Kirchbach* (Aŭstr.). D.: Johann Wonisch, No 22.
*La Tronche* (France-Isère). D.: Augustin Ploussu, 57 *bis*, Grande-Rue.
*Lubania* n. Pilica (Pol.). D.: Jôsef Bulski, instruito.
*Madison-S. Dak* (U. S. A.). D.: Fino Geraldine Eleanor Westaby, 435 Washington Avenue North.
*Mattighofen* (Aŭstrio). D.: Josef Sax, No 71.
*Melĉ u Opavy* (Ĉ. S. R.). D.: Jaroslav Novobilsky, instruito.
*Mezmuiza* (Latv.). D.: Janis Svalbe, poŝtestro.
*Miami Beach-Fl.* (U. S. A.). D.: Elmer Sixay, 1205 Drexel Avenue.
*Muglinov* (Ĉ. S. R.). D.: Jan Janik, No 25, p. Hruŝov.
*Neundorf* (Ĉ. S. R.). D.: Ladislav Ŝintak, gastejestro.
*Novosedlica* (C. S. R.). D.: Jaroslav Hetfleiŝ, p. Uliĉ. z. XX.
*Okriŝky* (Ĉ. S. R.). D.: Arnoŝt Schwangmeier, u Trebiĉe.
*Pelplin* (Pol.). D.: Antoni Troszynski, Seminarjum Duchowne.
VD.: Paulin Kalinowski, Seminarjum Duchowne.
*Piestany* (Ĉ. S. R.). D.: Ludevik Wiltschek, apotekisto, Pensiono Wilkory.
*Porstredni Suchà* (Ĉ. S. R.). D.: Josef Tannhauser, Nàdrazi.
*Predmerice nad Labem* (Ĉ. S. R.). D.: Antonin Fryda, No 126.
*Reichen* (Ĉ. S. R.). D.: Franz Bôhm, No 102, p. Wermstadt.
*Terr* (Ĉ. S. R.). D.: Julius Crary, urba policojuĝisto.
*Torokszentmiklos* (Hung.). D.: Pàl Heczke, Alatkapuszta.
*Sàzava* nad Sàzavou (Ĉ. S. R.). D.: Karel Duŝàtko, Ĉerné Budy No 31.
*Soeban Djerigi* (Sumatra). D.: W. H. de Jonge, lernejestro.
*Spokane-Wash.* (U. S. A.). D.: R. W. Mason, E. 1104 Augusta Ave. County.
*Sta Coloma de Farnes* (Hisp.). D.: Josep Gener, Carrer Jacinto Verdaguer.
*San José* (Urugv.). D.: Fino Anita Heyer, Plata 147.
*St. Mihiel* (Franc.). D.: Marcel Levy, Place des Regrets, 7.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.*

**Ŝanĝoj.**

*Bodenbach* (Ĉ. S. R.) Ĉ. D.: Hans Klinger, Schillerplatz, 846.
*Brisbane* (Aŭstral). VD.: Clement Kidd, c/o Poultry Farmers Coop. Soc. Ltd. Roma, Street.
*Innsbruck* (Aŭstr.). VD.: Roland Kŭhbacher, Kirschentalgasse 32.
*Kolin* nad Labem (Ĉ. S. R.). VD.: Ferdinand Bendl, Kolin 1/9.
*Lodelinsart* (Belg.). D.: Fino Ida Brassine, 31, rue Remoncheval.
*Lwow* (Pol.). D.: Henryk Schnŭtzer, Jagiellônska 17. VD.: Jôsef Kucharz ul. Na Bonie.
*Nagykanizsa* (Hung.). VD.: Ferenc Korvàth, Fô-ut, 24.
*Newcastle* (Aŭstral.). VD.: Sino Emily Forshaw, 45 Railway Street, Merewether.
*Sheffield* (Brit.). D.: Cyril Walter Gardner, 35, Moor View Road, Woodseats.; VD.: George William Roome, 21, Glenalmond Road.
*Soerabaja* (Java). D.: Hendrikus Johannes Tuinder, Kemoeningweg 38.; VD.: Willem van Bellen, Ketabang Boulevard, 26.
*Sundsvall* (Sved.). VD.: Gustav Edvard Bjôrkstrand, Kaptensgatan 9.
*Tobata-shi* (Japan). D.: Michihar Hayashi, Higaŝihonmaĉi, 3/5305.
*Tvrdoŝin* (Ĉ. S. R.). VD.: Antonio Ŝandrik, kantisto.
*Uppsala* (Sved.). VD.: Karl Tunôn, Vâstra Jârnvagsgatan 19.
*Wels* (Aŭstr.). VD.: P-ro Fritz Paar, Handelsschule.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:
*Blackpool*, Brit.; *Dagda*, Latv.; *Dornbirn*, Aŭstr.; *Sorocaba*, Brazilo; *Taunton*, Brit.

**Statistiko de la delegitoj.**

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Marto ............................ | 1.726 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj inter 25.III — ĝis 25.IV.1929 | 6 lokoj |
| | 1.720 |
| Novaj lokoj ............................ | 37 lokoj |
| Je la 25 Aprilo, UEA kalkulis Delegitojn en | 1.757 lokoj |

Pro teknika kaŭzo tiu-ĉi listo de la 25a de Aprilo ne povis aperi en la antaŭa numero de la gazeto.

Genève, 25a. Majo 1929.

Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

**Kun la nuna numero estas sendata aliĝilo por la 21a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto. Bonvolu ĝin uzi por anonci vian partoprenon.**

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO CHARLES MACKEY, el Nelson, Novzelando vivanta en Berlino akcidente mortis dum la demonstraciaj Majtagoj en Berlino.

S-RO D-RO EUGEN VOLLMER, Ano de UEA 20591 en Karlsruhe, German.

S-RO VICENTE BANDEIRA DE MELLO, Lisboa malnova pioniro de nia movado en Portugalujo.

S-RO ADELINO DE CARVALHO, Lisboa. Malnova samideano kiu dum vigla agado de Lisbona Societo sukcesis organizi belan feston en Portugala Nacia Teatro sub ĉeesto de la Respublika prezidanto D-ro Sidonio Pais.

S-RO ERNESTO DA MAYA, Lisboa. Klera kaj lerta esperantisto, Dumviva Ano de UEA N-ro 88.

D-RO VACLAV ROSICKY, Delegito de UEA en Nechvalice. Kun profunda doloro ni eksciis pri la morto de tiu ĉi meritoplena ĉeha samideano, kies laboro kaj modesteco havigis al li admiron kaj simpation de sennombraj amikoj. D-ro Rosicky naskiĝis la 28-an de septembro 1850 en Praha. La movadon esperantistan li partoprenis de post la jaro 1908, kiam li fariĝis membro kaj pli malfrue prezidanto de la Esperantista Klubo en Praha. Post du jaroj li estis elektita prezidanto de la Bohema Unio Esperantista kaj membro de la ekzamena komitato.

La tiamaj propagandistoj de Esperanto konstatis multfojo, ke lia honorinda persono donis al nia movado en Bohemujo tiun gravecon, kiun ĝi meritis. Lia intereso je progreso de nia ideo kaj lia kunhelpo estis ĉiama instigilo por komuna laboro de ĉiuj fidelaj, per amikeco kaj reciproka fido kuntenataj samideanoj.

D-ro Rosicky apartenis al la plej simpatiaj membroj de nia tutmonda amikaro kaj certe ĉiu, kiu havis iam okazon rilati kun li, plezure memoras la varman akcepton per kiu li sciis agrabligi tiun ŝatindan momenton. La plej karakterizaj trajtoj de lia persono estis la veramo, modesteco kaj laboremo. Neniam li ŝovis sin en la unuan vicon, kvankam lia nomo meritas esti multfoje kaj multloke citata inter la bohemaj fizikistoj, astronomoj kaj stenografoj. Lia scio de lingvoj ampleksis krom preskaŭ ĉiuj slavaj lingvoj ankaŭ la francan, anglan, germanan, hispanan, italan, latinan, grekan, hebrean kaj Esperanton. Dum sesdek jàroj li ludis eminentan rolon en la bohema Gabelsbergera Societo Stenografia, kies fondanta kaj honora membro li estis. La scienca komitato stenografia elektis lin sia vicprezidanto.

Multe da liaj ekslernantoj memoras lin kun sincera ĝojo kaj rakontas pri li kiel pri majstro de la stenografia arto. Dum tridek jaroj li estis membro de la ekzamena stenografia komitato, dum kelke da jaroj revizoro de la stenografia oficejo ĉe la bohema landa parlamento kaj longe li kune redaktis la boheman stenografian gazeton.

Kiel universitata asistanto li estis proklamita doktoro de filozofio en la jaro 1877, poste li fariĝis asistanto de fiziko kaj dum ses jaroj li estis asistanto ĉe la astronomia kaj meteorologia observejo en Praha. Poste li faris ŝtatajn ekzamenojn pri matematiko kaj fiziko, fariĝinte en la jaro 1880 profesoro ĉe gimnazio. Antaŭ la pensioniĝo honorigis lin la ministerio per titolo de lerneja konsilanto.

Ses ampleksaj sciencaj laboroj de Dr Rosicky estas publikitaj en la Raportoj de la Imperiestra Akademio de Sciencoj en Wien, la laboroj pri astronomio, meteorologio kaj magnetismo aperis en la Raportoj de la Observatorio en Praha. Li estis unu el la plej laboremaj kunhelpantoj en la bohema naturscienca revuo « Vesmir / Universo / kaj pli multe ol 500 artikolojn li verkis por la ĉefverko : Bohema Enciklopedio de Otto. Specialan traktaĵon li skribis pri la vivo de Tycho de Brahe kaj eldonis la boheman tradukon de Caelo - Tellurium de Michalitschke.

Eĉ dum la mondmilito kaj en la lastaj jaroĵ de sia vivo, kiujn li pasigis plejparte en la kamparo, li estis ne malpli agema, instruante senlace pri Esperanto kaj eldoninte valoran sciencan priskribon de la fama astronomia horloĝo de Praha.

La grandan estimon, kiun D-ro Rosicky ĝuis en la sciencaj sferoj, pruvas la fakto, ke li estis proponita post la morto de astronomo Zenger kiel ĉefa kandidato je la fizika katedro ĉe la bohema politekniko en Praha.

La perdo kaŭzita per foriro de D-ro Rosicky estas tre peze kaj korfunde sentata de liaj lernantoj kaj amikoj, kiuj admiris lian karakteron kaj ne malpli ŝatis liajn konsilojn kaj spertojn. Lia vivo estos por ili modelo de senlaca energioplena agemo kaj ĝentileco.

*Sinceran kunsenton !*

## Esperantista Vivo

**Edziĝoj.**

*** S-ro' William Vincent, ano de UEA en Vieno kun F-ino Jvy Dorchester Raymond.

*** S-ro F. Douglas Murphy, D.B.E.A., Delegito de UEA en Ipswich kun F-ino Olive Phillips, anino de la grupo, « Verda Stelo » samloke.

*** S-ro Nikolaus Donien, Delegito de UEA, kun S-ino Therese Donien, Nask. Marburger, Bőckweiler, Saar.

## Oni dankas

*** S-ro J. D. Applebaum, D de UEA en Liverpool dankas F-inon Sidonie Dlouha, VD en Praha, stacidomo Wilson, por afabla servo dum restado en Praha.

*** S-ro Charles Chomette, Ano de UEA en Novjorko kore dankas al la Delegitoj de UEA en jenaj urboj trapasitaj dum vojaĝo : Torino, Milano, Brescia, Verona, Padova, Venezia, Bologna, Firenze, Pisa Siena, Perugia, Assisi, Roma et Napoli por afabla akcepto kaj helpo.

*** S-ro Juliusz Gottfried, D de UEA en Strij, Polujo, kore dankas al S-ro Joachim Kalmus, Komerca Delegito de UEA en Philadelphia por plenumita grava kaj delikata servo.

*** Redaktoro Taubmann (Marto) en Habakladraŭ, C.S.R. dankas al la Delegito en Venezia, Sinjoro Giovanni Bonini, por lia afabla akcepto, gvido kaj amika helpo dum restado en tiu-ĉi urbo.

*** S-ro Inĝ. L. Berger, Delegito de UEA en Moravany, Ĉeĥoslovakio, kore dankas al F-ino Gérard, VD de UEA en Parizo, sekretariino de « Esperanto et Commerce » kaj al « Salon nautique et des sports » por senditaj ekspoziciaj presaĵoj.

*** S-ro O. Sklenĉka, Ĉefdelegito de UEA en Ĉeĥoslovakio por grava afero bezonis rapidan sciigon pri akiro de objekto en Italujo. Li esprimis koran dankon al la loka Delegito en Venezia, sinjoro Bonini por kompleza kaj serioza plenumo.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ* ; L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkosur bildflanko*. kĉl = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*. fot-aĵo = *fotografaĵo*. *gaz*. = *gazeto*.

**Atentigo**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado. Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

Plendo pri nerespondo de anoncintoj.
Mi komunikas per tio-ĉi, ke la jenaj anoncintoj en « Esperanto » ne respondis al korespondaĵo kiun mi sendis al ili.
**Stefan FALDA, Ujezd, 25 Holešov, Ĉeĥoslov.**

1. Ivan D. Nemĉev, Petriĉ.
2. Rudolf Losler, Lwow.
3. Delprino Oreste, Torino.
4. Sorok Haŝimota, Kameoka.
5. F-ino E. Belloc, Beauregard.
6. F-ino Janina Biegwaski Mikstat.
7. Friis Aabyreaj, Aabyhőj.
8. Ismet Nuri, Aidin.
9. Jozef Szabo, Debreczen.
10. Paulo Stamatian, Teius 2.
11. Esperantista grupo en Como.
12. Osmo Lautela, Forssa.

*Allerslev pr. Leyre* (Danujo). — S-ro Alf Sőrensen, instruisto deziras geografiajn informojn kaj PI de ĉ.l. kontraŭ aliaj petotaj informoj.
*Bakov nad Jizerou* (ĉeĥoslovakio). — S-ro Frantisek Slepiĉka, instruisto PI, bfl. PM, k.ĉ.l., Nepre respondos.
*Breslau* 5. — (German) S-ro Gerhard Weinberg, metiisto, Luisenplatz 8-III L., PI., k.ĉ.I.
*Dacice* (Ĉeĥoslov. Morava). — S-ro Jan Kareŝ, del. UEA, Kostnické námestí 117, serĉas gekorespondentojn por siaj 20 kursanoj PI, PM, k.ĉ.l., fotojn. Respondo garantiata.
*Dannemora N. Y.* (Usono). — S-ro D-ro B.R. Webster, State Hospital, deziras arigi grupon da ses anoj por daŭra korespondado. Interesuloj skribu al mi, priskribante viajn inklinojn k.t.p. Mi rezervas rajton elekti laŭvole la anojn, sed unufoje respondas al ĉiu letero.
*Desná apud Tanvald* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Riha, N-ro 157, Pi kun ekstereŭropanoj.
*Hamburg*. — S-ro H. Leipelt, Kőnigstrasse 46, L., Pi kun fraŭlino.
*Jaroslaw* (Polujo). — F-ino Leonja Fruchtówna, ul. 3 go Maja, Dom Sierot Zydonskich, L., PK, pri literaturaj kaj sciencaj temoj. Ĉiam respondas.
*Jicin* (Ĉeĥoslov). — S-ro Premysl Adam, studento, Havliĉkova 186, PI, PM, Fotojn, L, k.ĉ.l. Certe kaj tuj respondas.
*Konecchlumi* (Ĉeĥoslov). — S-ro Josef Vítek, studento, del. UEA, ĉp.l. u Jiĉina, PI, G, L, PM (sendas ĉsl. jubil.) k.ĉ.l. Korespondas esperante, angle, france, germane, hispane, itale, serbe kaj ĉeĥe. Certe kaj tuj respondas.
*Kyoto* (Japanujo). — S-ro D-ro Junichi Nakagawa, Minamigosho-cho 37, Okazaki, PM kun fideblaj filatelistoj.
*Liberec Na Okruhu* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Teo Novotny, PI, PK, L, k.ĉ.l.
*Louky nad Olzou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Emil Kroczek fervojoficisto, n-ro 167, PM ĉeĥoslov. kontraŭ alilandaj, kvanto kontraŭ kvanto. Respondo garantiata.
*Louky nad Olzou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Pavel Bartulec, N-ro 232, PI k.ĉ.l. certe tuj respondas.
*Nevrokop* (Bulgarujo). —S-ro Stilian Karamanĉev, Mitropolit Ilarion 58 (fraŭlo) L, PK pri sentimentalaj temoj. Nepre respondos.
*Pecs* (Hungarujo). — S-ro József Vary, stud. med., Egyetem, alvokas la partoprenantojn de la 21a kongreso por antaŭa konatiĝo. PI de grandurboj, ilustr. revuojn. K.ĉ.l.
*Sliven* (Bulgar.). — S-ro D-ro St. Kadiev, ano de la okulta societo « Universala Blanka Frataro » kaj de ĝia esp. sekcio « Nova Kulturo », L, PK, pri okultismo kaj teozofio, ankaŭ en germana franca aŭ rusa lingvoj. Respondas en Esperanto. Ne kolektas PM.
*San Francisco-Cal.* (Usono). — S-ro LH Lanvon, c/o Y.M. C.A. L, PK kun inĝenieroj en Eŭropo.
*St. Gallen* (Svislando). — S-ro Jack. Ruegg, fabrikanto, Kolloseumstr. 10, L, PI, nur kun Ekster-Eŭropo.
*Tetschen a.d. Elbe* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Hans Roppert, VD de UEA Bräuhausgasse 88, PM laŭ mankolisto aŭ po peco, k.ĉ.l.
*Trebis-Horka* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Hauer, studento, Hanelova str. 107, PI, Ĉiam respondas.
*Teius* 2 (Rumanujo). — S-ro E. Molnár, PM, sen katalogo, sendas vidaĵojn por PM.
*Upice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Műller, arkitekto, L, PI, pri arkitekturo kaj aliaj temoj.
*Valdice* (Ĉeĥoslov). — S-ro František Horĉiĉka, studento, e.52.u Jiĉína, PM, PI, G, k.ĉ.l. Certe tuj respondas.
*Wien* (Aŭstrio). — F-ino Franci Engel, V, Kliebergasse 3/14, PM kun Irlando, Latvio, Estonio, Litovio kaj Albanio. ne sendas unue

---

## Petoj kaj Proponoj

**INTERNACIA KOMERCO**

*Abelkulturado*. — Abelkulturistoj esp. ĉiulandaj. Skribu tuj pri la stato de abelkulturo en viaj landoj kaj sendu fotojn k. gazetojn pri abelkulturo, plie terminaron esp. — nacilingvan de abelkulturado al : Pĉelovodnoe Selo, Smolenskij bulvar 8, Moskvo U. S. S. R.

*Altentu-Esperantistinoj*. — Lignaĵisto 29 jara, bona laboristto 1,75 m. granda, deziras edziĝis, sed nur en laborriĉa lando. Mi elmigrus. Esperantistino preferata. — Proponoj se eble kun fotografaĵo sendu al S-ro M. Reichelt Obere Steine strasse 14. Friedland Bez. Breslau, Germanio.

« El Mia Kantelo », kvardeko da poemoj de Varma Järvénpää (nun S-ino Thilandeq) presitaj en blindula skribo, kaj belete binditaj, Prezo 3 (tri) kronoj svedaj. Se iu leganto de « Esperanto » volos aĉeti ĝin por meti al Siaj kolektoj aŭ por donaci al blindulo, li turnu sin per poŝtmandato al Eldonanto de Esderanta Ligilo, H. Thilander, Stocksund, Svedujo.

*Esperanto*. — La numeron de « Esperanto », Decembro 1920, kun tabelo de enhavo 1920 deziras aĉeti. J. Ravestein jr., Acaciastraat 36, 's Gravenhage, Nederlando.

*Gramofondiskoj*. — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Inter-ŝanĝo*. — Kvankam S-ro Joŝii, ĉefinstruisto en Meirin Shoogakoo (elementa lernejo) en Nagoya urbo, anoncis en la kolono « Petoj kaj Proponoj » en la N-ro 393 de « Esperanto », oficiala organo de UEA, li ĝis kurinta marto ne povis respondi al sendintoj pro sia okupateco antaŭ kaj post aranĝo de la ekspozicio. Li jam intersanĝe ekspedis

desegnajojn faritajn de japanaj geknaboj komence de nuna aprilo al ĉiuj sendintoj krom du-tri el ili, kies adresojn li forgesis. Li senfine dankas pro tio ke li sukcese povis kolekti bezonatajn objektojn por ekspozicio dank'al bonkora enpresigo de lia anonco de UEA kaj afablaj helpoj de bonkoraj eksterlandaj samideanoj. Tiuj sinjoroj, kiuj ankoraŭ ĝis nun ne ricevis respondon de li, tuj sciigu tion legeble skribinte la adresojn al S-ro Hiroshi H. Yamada, vicdelegito de UEA, P.O. Kesto 11, Akatsuka, Nagoya, Japanio.

*Libertempo.* — Inĝeniero teknikisto volus aliĝi al libertempontaj germanoj por vizito al Stockholm la 15an ĝis 27an de Julio 1929. John M. Baxter, Glenshee Stepps, Glasgow, Britlando.

*Lingvo Internacia.* — Por kompletigi kolekton oni bezonas volumon 1899 de ĉi-tiu gazeto, Skribu oferton al BEA, 142 High Holborn, London, W.C.1.

*Loĝejo serĉata.* — Kun mia edzino ni serĉas loĝejon eble kun manĝajoj, en belega saniga loko por kelkaj monatoj. Mi estas profesoro kaj diplomita vinberisto, mia edzino instruistino. Proponojn sendu al L. de P. Jhasz, Delegito de UEA, Balkány, Hungarujo, Szabolcs'm.

*Plibonigo de la raso.* — Unuiĝo por plibonigi homan rason. Programon sendas senpage : Lüerssen, Essenerstrasse 4, Gelsenkirchen, Germanujo.

*Studentoj.* — Sinjoro Joza Mareš, instruisto, Ĉakovice u Prahy, Ĉeĥoslovakio, estinta sekretario de Ĉiostudenta Asocio kaj de Corda Fratres serĉas kunlaborantojn por renovigo de ĉi-tiuj organizajoj. En Praha oni fondis ĉeĥan sekcion de Corda Fratres.

*Teatra direktoro.* — Kiu opinias, ke Esperanto estas jam sufiĉe disvastigita, ke al la publiko estos agrable aŭdi esperantistan humoriston konferenciston ? Ĉu intertempe filmoj ĉu alimaniere. Nur originalajoj. Ĉu estos io dum ai Budapeŝta kongreso ? Leterojn sendu sub Paccus 13 101, al la redakcio de ESPERANTO, kin transdonos.

# KOMBINITA BILETARO

***de la Kongresa Servo de UEA por la XXIa Kongreso***

La kombinita biletaro de la Kongresa servo de UEA entenas:

1. La kongreskotizon.
2. Kotizon por partopreno de la antaŭkongreso en Vieno, inaŭguro de la Internacia Esperanto-Muzeo k.t.p. Tiu-ĉi kotizo rajtigas samtempe je rabato individua de 25 % ĉe la Aŭstria Ŝtata Fervorjaro, 50 % rabato ĉe Danuba Ŝipveturo (de Linz ĝis Budapeŝto) senpaga vizo aŭstria, ricevo de gvidlibro en Esperanto.
3. Septaga restado en Budapeŝto kun plena pensiono. Ĉambro en Hotelo Continental moderna kaj bone zorgata hotelo. Fluanta akvo en ĉiuj ĉambroj, unuakvalita kuirado. La manĝoj konsistas el:




*Matenmanĝo:* Laŭ elekto, kafo, teo aŭ ĉokolado kun pano, mielo, butero.
*Tagmanĝo:* Antaŭmanĝo, supo, viando, legomo laŭsezona, deserto. (Sen trinkaĵo).
*Vespermanĝo:* Antaŭmanĝo, viando, legomo, deserto (fruktoj). Ĉio riĉe servata.

Krom tio ĉiu gasto rajtas je unu bano dum la restado. — Trinkmono estas enkalkulita — Servado sub kontrolo de la Kongresa Servo — Plendoj atentotaj kaj tuj egaligotaj.—

TELEGRAM: CONTINENTALOTEL HOTEL CONTINENTAL BUDAPEST

4. Por faciligi ĉiel al nia membraro la viziton de la kongreso ni malfermas konton al ĉiu kiu tion deziras kaj pagas la ŝparitan monon laŭdezire en Budapeŝto ĉe la akceptejo. Oni povas pagi al ni per niaj poŝtĉekoj kaj ni ankaŭ peradas monon al la Loka Kongresa Komitato senkoste kaj sen risko, rapide kaj zorge.

Ni akceptas ĉiun borseblan monbileton laŭ taga kurzo, ĉekojn en ĉiuj monoj kaj sur ĉiuj bankoj sen depreno por enkasigo. Plej simple estas sendo de mono per poŝtmandato internacia kaj per al niaj poŝtĉekoj. Ni akceptas plie British Postal Orders kaj francajn Bon Postal.

*Poŝtĉekkontoj:*

Poŝtĉekkonto 79236 Praha — Poŝtĉekkonto 90850 Frankfurt am Main — Poŝtĉekkonto 190576 Warszawa — Poŝtĉekkonto Genève I. 2310 — Conti Correnti Postali Milano 3-327 — Poŝta Sparkaso Wien: konto 105 439

Compte de Chèques postaux Lyon 221 76 — Compte de Chèques postaux Bruxelles 1842.00 — Poŝtĉekkonto S. H. S. Zagreb: 40.759 — Postgiro Stockholm Konto: 4138

Nia banko estas: *Société de Banque Suisse. — Schweizerischer Bankverein, GENEVE.*

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, (Kongresa Servo)**, 12, Boulevard du Théâtre, GENEVE



**ESPERANTO**

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj Korespondа anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr. Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE